

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

OFICIALA ORGANO
DE TUTMONDA ASOCIO
DE GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ
T. A. G. E.

10-a JARO, N-ro 10/12 OKTOBRO/DECEMBRO 1931

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

10-a jaro. Numero 10/12
Oktobro - Decembro 1931

Oficiala organo deTutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.
Adm: KURT HOFMANN, Felgenhauerstr. 63, Riesa, Germ., Poŝtĉekk.: Dresden 263 79
Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.
Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME, 21 Glenalmond Road, Sheffield, Anglujo

ENHAVO: 

## Skizo pri la Franca Laika Lernejo.

De H. Bourguignon, Saint-Maximin (Var), Franclando.

Ĵus antaŭ la Revolucio, ekzistis en Francio, kaj ĉefe en Norda kaj Orienta partoj de la lando, ankaŭ en protestanta regiono „Cévennes“, sufiĉe multaj lernejoj; notinde: tiuj lernejoj estis vere pli multnombraj en la supre-nomitaj regionoj, ol en Okcidenta Francio, kaj eĉ en ĉef-urba regiono.

Sed koncernaj „et-lernejoj“, (kiel oni nomis ilin) estis direktataj, ĉu de la parohkantistoj, ĉu de iuj nekleraj laboristoj, aŭ ankaŭ de la „Fratoj de Kristanaj Lernejoj“, kies Instituto fondiĝis en 1684 dank' al la Jean-Baptiste de la Salle; ĉiuj tiuj lernejoj celis ĉefe la kreon de bonaj kristanoj, kaj tiel la religia instruo estis la ĉefa lern-objekto.

Do nia nuna edukada sistemo devenas el Revolucio. Estas tiu lasta kiu starigis ĝiajn unuajn fundamentojn. En la „Postulo-Kajeroj“ de 1789, eĉ en tiuj de nobelaro kaj de klerikalaro, oni povis unua-foje konstati la deziron preskaŭ ĝeneralan pri publika instruado. Bedaŭrinde, la Konstitucia Asocio havis tro da zorgoj kaj daŭris tro mallonge por firme starigi tiun instruadon.

Pli poste, Condorcet postulis de la Leĝiga Parlamento voĉdonon de la senpaga instruado je ĉiuj gradoj. „Ĝi estas rimedo certigi al la Patrio pli da civitanoj kapablaj ĝin servi kaj ankaŭ malgrandigi tiun malegalecon naskiĝantan el la diverseco de riĉaĵoj, intermiksi la popolklasojn kiuj emas dividiĝi sekve de tiu diverseco.“

La Leĝiga Parlamento ne povis studi tiun rimarkindan projekton; Con-

dorcet ĝin submetis al la Konvencio, kies tiamaj anoj — Sieyès, Lepelletier, Romme — anstataŭis ĝin per aliaj projektoj. Tiuj laŭdindaj emoj ne radikiĝis en la praktiko.

Ne necese paroli pri Direktorio, ĉefe zorginta pri sia estado; ne necese ankaŭ pri Konsula kaj Imperia epokoj, kiam libereco estingiĝis kaj Eklezio reakiris la lernejon. La Restarigo, kun Ludoviko XVIII-a kaj Karolo IX-a, pli akcentis tiun submetiĝon al Eklezio. Kaj poste, sub la Julia Monarkio (1830—1848), Guizot kreis la Porinstruistajn Lernejojn, metante tiel la unuagradajn lernejojn kaj ties instruistojn je la kosto de la ŝtato.

Jen 1848 kaj la konkero de la universala voĉdon-rajto: la viglaj, humanaj ideoj gvidintaj la antaŭajn revoluciajn Parlamentojn, denove entuziasmon vekas. Ministro de Publika Instruado, Hippolyte Carnot, planas organizon de klerigado kiun li volas deviga, senpaga kaj laika. Monopolon li ne akceptas: lia projekto estis lojala provo interkonsentigi la devon de l' ŝtato pri la disvastiĝo de klerigo — kaj la rajton de l' familioj, kiu konsistas en eblo elekti mem la instruistojn de l' infanoj, aŭ mem instrui ilin.

Tiu projekto plialtigis la budĝeton de Publika Instruado, el 2 952 537 fr. ĝis 47 360 950 fr. Rilate tiun epokon, tiuj elspezoj estis gravegaj. Kaj, onidire, ili fariĝis la ĉefa argumento de la kontraŭuloj. — Efektive, tio estis nur facila preteksto por fiaskigi projekton konsideratan kiel ribeliga kaj danĝera: ĝi ja forigis el lernejo pastron kaj katehismon, la instruisto ne plu estus estinta la subulo de pastro, la religia klerigado estante prizorgata rekte de la diverskultaj pastroj ekster la lern-klasoj; tiu projekto prenis for de pastroj la inspekto-rajton en lernejoj.

Do por dua fojo fiaskas tiu projekto pri respublika lernejo; je la nomo de la klerikala partio Dupanloup kaj de Montalembert ĝin kontraŭas; kaj ankaŭ Thiers, kiu ne povas vidi netremante „tiun filinon de la Revolucio": „Mi eldiras kaj certigas ke la unuagrada instruado ne bezonas esti nepre je la eblo de ĉiuj; mi eĉ diros ke instruo estas ekkomenco de riĉeco, kaj ke riĉeco ne estas disponigata al ĉiuj."

La venkoj sin sekvas ĉe l' klerikala Partio; larĝa kaj alloga, la estonteco malfermiĝas antaŭ ĝi. Jen alvenas 1850 kaj la leĝo Falloux, hontige fama. Laŭ ĝi la pastroj eniras ĉiujn konsilantarojn de l' Universitato; oni metas je sama rango la publikajn instruistojn kaj la kongregacianojn; la unuaj estas submetataj je la kontrolo kaj doktrina direktado de la religiaj aŭtoritatoj. Thiers per multa lerteco kaj ega senhontemo, aŭdacis certigi ke „la Universitato fariĝis pligrandigata kaj plifirmigata sekve de tiu radika transformiĝo."

Tiu leĝo estis kvazaŭ provoko; ĉiuj liberaj spiritoj unuiĝis kontraŭ ĝi. Dum la diskutado ĉe la Parlamento, nia fama poeto Victor Hugo parolis je nomo de ĉiuj respublikanoj: „Mi atakas fronte la demandon, kaj mi alparolas la katolikan partion; ĝi havas delikatan orelon: ĝi aŭdos. Kaj mi diras al ĝi: Tiu leĝo estas via leĝo. Nu, verdire, mi malfidas je vi. Instrui, tio estas konstrui! Mi suspektas kion vi konstruas . . . Ne sufiĉas ke la novaj generacioj nin postsekvu, mi konceptas ke ili nin daŭrigu. Jen kial mi volas nek vian manon, nek vian spiriton super ili. Mi ne volas ke kio estis starigata de niaj patroj estu detruata de vi. Post tiu gloro, mi ne volas tiun honton!"

Tamen tiu leĝo utilis: pro la kontraŭstaro ardega de ĉiuj antaŭenemuloj, ĝi faciligis kaj plirapidigis la evoluon de l' respublika Partio.

La dua Imperio rimarkiĝas pro la longdaŭra ministreco de Victor Duruy. Dum tiu epoko (1851—1869), li organizis knabinajn lernejojn kaj vilaĝajn lernejojn; devigis la komunumojn liveri konvenajn ejojn por la lernklasoj kaj la instruistoj; li starigis ankaŭ la „Lernejajn Ŝparkasojn" kaj plialtigis la instruistajn salajrojn.

Tamen, eĉ dum tiu epoko, „la stultiga plano" disvolviĝas. La franca socialismo kontraŭas la klerikalan instruadon kaj postulas lernejon l a i k a n, s e n p a g a n kaj d e v i g a n. Kaj staras antaŭ ĝi . . . iuj respublikanoj kaj liberaluloj burĝaj, tremantaj pro laikeco.

Duruy retiriĝas en 1869. Post la malĝojaj tagoj de l' milito, la Komuno ne vane laboris, spite la cirkonstancoj farintaj el ĝi ĉefe barikadon. Ĝi klopodis por laŭeble tuj starigi la publikan lernejon, laika kaj senpaga, deviga kaj profesia. La tempo mankis al ĝi, bedaŭrinde.

Jules Ferry fariĝas Ministro de Publika Instruado la 4-an de Februaro 1879, tuj post la rezigno de Mac-Mahon. La unuajn tagojn de sia enministriĝo, li prezentas projekton pri transformiĝo de la Supera Konsilantaro de Publika Instruado kaj pri Akademiaj Konsilantaroj.

El leĝ-projekto prezentita en la jaro 1877 de Barodet kaj 49 aliaj deputitoj, Ferry eligos unu post alia la tri gravajn leĝojn prilernejajn. Nun ni ĉefe studos la leĝon de 28-a de Marto 1882 pri la lerneja devigo kaj antaŭ ĉio pri laikeco.

Notinde estas ke la egaj postuloj de pastraro parte incitis la respublikanojn starigi la laikan lernejon. Tiuj postuloj estis vere senhontaj. Rapida trarigardo de l' malnovaj lernej-programoj montros al ni ke la religia instruado estis disdonata en unuagradaj lernejoj dum almenaŭ unu horo potage, ofte eĉ pli. La instruistoj estis devigataj konduki la lernantojn al kateĥismo kaj diservoj por tie ilin kontroli. Kaj la pastro ne ĉiam estis bon-anima! Se la infanoj elmontris nekonvenan konduton, se la katefiismo ne ĝis-funde estis studita, la instruisto estis kritikata de la pastro antaŭ la lernantoj, kaj ofte ankaŭ antaŭ la gepatroj.

Tial do, kompreneble la instruistoj protestis kontraŭ tia subiĝo kaj tiuj tempo-foruzoj. La Akademia aŭtoritato komprenis tion; ofte ĝi konigis tiujn aferojn al episkopoj kiuj volonte klopodis paciĝi ĉiujn. Sed, „laŭ ilia propra konfeso, ili ne estis atentataj; iliaj subuloj daŭrigis laŭ propra plaĉo kaj la malbono persistis".

Estis vere urĝe, kiel klarigis Ferry, „starigi firmajn limojn inter Lernejo kaj Eklezio". — La debato pri laikeco tuj komencis ĉe la Parlamento okaze de la unua artikolo kiu forigis la religian instruon el la lern-programo de l' unuagradaj lernejoj. Cetere, Paul Bert estis klare elmontrinta la justecon de laikigo kaj la neprecon de ties apliko okaze de sia Raporto antaŭ la Parlamento, la 2-an de Marto 1880:

„La Komisiono ne povis rezigni je pli longa prokrasto por proklami la f u n d a m e n t a n p r i n c i p o n d e l a n e ŭ t r a l i g o d e l e r n e j o, de la laikigo de la programo, de la dispartiĝo de lernejo kaj preĝejo, de la reciproka sendependeco de pastro kaj instruisto. Al ĝi ne ŝajnis eble lasi pli longe aplikataj aranĝoj kiuj en ĉiuj lernejoj francaj igas deviga la religian katolikan instruon por la infanoj de protestantoj, de judoj kaj liberpensuloj;

kiuj estas blasfemo kontraŭ la konscienc-libereco de la patro kaj de l' infano, kaj restas en leĝaro nia kvazaŭ la lasta postsigno de ŝtata religio; kiuj, kiam en cirkonstancoj malofte atingataj ili konsentas krei lernejojn por la diversaj religioj agnoskitaj, ne pli atentas la nekredulojn kaj cetere starigas, ekde la lernejaj benkoj, antagonismon plej bedaŭrindan kaj plej danĝeran inter la infanoj de l' diversaj religioj; kaj devigante la instruiston disdoni religian klerigon ofte kontraŭe je lia kredo aŭ lia racio, perfortas la plej respektindajn sentojn kaj lin devigas je ribelo aŭ hipokrito; oficiale donante al pastroj enir-, kontrol- kaj inspekto-rajton en lernejo, tiuj aranĝoj subigas la instruiston, malaltigas lian aŭtoritaton je okuloj de la lernantoj, kaj lian indon je liaj propraj okuloj; ili trudas tiajn programojn, tiajn religiajn devigojn, tian eklezian disciplinon ne nur al publikaj lernejoj, sed al liberaj lernejoj, kaj malpermesas je liberpensuloj instruigi siajn infanojn laŭ sia konveno; rilate la publikajn lernejojn, ili logike alvenis ĝis redakto de dekretoj, de regularoj kaj decidoj, aliformigante la lernejon en filion de la preĝejo, la instruiston en anstataŭanton kaj helpanton, se ne pli, de la pastro.

Kiu rifuzus kompreni kiom necese estas, por ke la leĝo povu devigi la familiestron direkti sian infanon al lernejo, ke ĝi ne vundu ties konsciencon kaj proklamu samtempe ke al li ĉia libereco estos allasata en religia kampo."

Tiel la religia instruado forstrekiĝis el lern-programoj de l' unuagrada instruado. La dekstruloj kaj katolikoj provis lastan manovron por atingi almenaŭ ke la pastro povu doni la religian instruon en la lernejaj ĉambroj, ekster la stud-horoj. Tiucele ili prezentis leĝ-artikolon. Tamen Deputitaro kaj Senato komprenis la varmajn parolojn de Paul Bert kaj ne voĉdonis la reakcian leĝ-artikolon. Sed la unua artikolo difinanta la principon de laikeco estis voĉdonata nur post la klarigoj de la Projekt-defendantoj, kiuj detruis tian argumenton de katolikoj, laŭ ili plej grava embarasilo: „Ne povas ekzisti ververa etiko ekster religio, kaj la lernejoj sen religia instruo fariĝos lernejoj sen moralo."

Paul Bert elmontris komence ke klerigado per si mem fariĝas en ordinara praktiko moraliga kaŭzo. Kaj, citante Guizot, li diras:

„S-ro Guizot, kiu ne estis revoluciulo, sed homo profunde religiema, profunde morala, diris iun tagon ĉe Sorbonne, vekante neniun kontraŭdiron: Por tiuj el vi efektiviĝintaj iom larĝ-temajn filozofiajn studojn, estas, mi kredas, klar-videbla ke la moralo ekzistas sendepende de religiaj ideoj, ke la rekono de la moralaj bono kaj malbono, la devigo fortiriĝi el malbono, efektivigi bonon, estas leĝoj kiujn la homo agnoskas en sia propra naturo, tiel kiel en leĝoj de la logiko . . . — Krom tio pri kio estas permesata paroli pri hipotezoj, por tiuj kiuj ne kredas, restas plena mondo de moralaj ideoj, de moralaj praktikoj kontraŭ kiuj ne estas timinde ke iu diskuto leviĝu, nek en religia partio, nek en politika partio".

Deputitaro kaj Senato aprobis Ferry kiam li diris: „Vi voĉ-donos la laikecon. Ni petas tion de vi je la nomo de la konscienc-libereco kaj digno de la instruisto, je la nomo de la konscienc-libereco de la familiestro, je la nomo de la konscienc-libereco de l' infano. Kaj se iu diros al vi ke tio estas revoluciaj disrevadoj, ke tio estas minacoj por libero, minacoj kontraŭ la religio, vi respondos ke tiuj aranĝoj estas jam de longe enskribitaj ĉe la kodo de nacioj, samtempe la plej konservemaj, la plej liberaj kaj la plej religiemaj".

Tiel voĉdoniĝis la plej grava el la edukad-leĝoj de Tria Respubliko. La klerikala Partio ĝuis la nuran konsolon — kun senpova grimaco nomi tiujn leĝojn: b a n d i t a j n l e ĝ o j n. Dum kelka tempo tiu nomo estis atentata, sed nun ĝi jam de longe estas forgesata.

Se oni studas senpartie la leĝon, oni rimarkas en ĝi foreston de direktiga ideo kaj unueco, eĉ mankojn. Nepras tamen ke oni havu koncepton sufiĉe ĝustan, sufiĉe vereman, pri la ĉiu-formaj malhelpoj, la pasia kontraŭstaro, kontraŭ kiuj devis almiliti la defendantoj de laikeco. Ĉu oni bone rimarkis ke tiu rompo kun longdaŭra tradicio, ŝajnanta hodiaŭ al ni natura kaj tre simpla, estis tiam entrepreno eksterordinare aŭdaca? . . .

Tia estas la spirito laŭ kiu voĉdoniĝis la edukad-leĝoj. Spirito multe aŭdaca, kaj samtempe prudenta, liberiga kaj respektema, libera kaj racia. Kaj tiu tuto ne sufiĉe perfekte esprimiĝas en tiuj du vortoj: laikeco, neŭtraleco.

Ĝis kia stado ni alvenis nun? Kion oni provis depost tiuj heroaj tempoj? Kio restas farenda? Jen kion ni provos ekzameni en venonta studo.

---

# Eduko kaj pedajo.

## Sepa lètero.

Kara kolego, kara kolegino!

(1) Certaj respondoj diras al mi, ke mi en tiu lasta letero ne pritraktu la diferencon inter eduko kaj pedajo rilate al la demando: Per kio oni edukas, kaj per kio ni povas pedajigi? Tiu problemo estus tro malfacile priskribebla en mallonga letero.

(2) Nun mi provas nur, respondi la demandojn: Kiam ni edukas? Kiam ni pedajigas? Klarigante al miaj gestudentoj edukantan kaj pedajigantan sintenojn, mi diras jenan:

(3) Ni diferencigu pozitivajn kaj negativajn formojn pedagogiajn! Pozitivaj ni nomu krom interesiĝo kaj interparolo: ludon, metodan studon, laŭcelan produkton kaj feston, negativaj ni nomu krom alkutimado kaj onidirado: kondukon, lernigon, servadon kaj kulton. Ekzerco estas pozitiva, kiam ĝi estas necesa por unu el la pozitivaj formoj, negativa, kiam ĝi estas necesa por unu el la negativaj.

(4) Tamen ne estas tiel, ke kelka pedagogo ĉiam agas laŭ pozitivaj formoj, alia ĉiam laŭ negativaj, sed ĉiu iradas sur la larĝa vojo, je kies unu flanko estas la pozitivaj, je kies alia flanko estas la negativaj formoj. Necese estas, ke juna pedagogo vidas la du diversajn formarojn, kaj ke li ne jam havas t r a n k v i l a n k o n s c i e n c o n, kiam li diligente agadas laŭ la negativa formaro. Li demandu sin post ĉiu tago, ĉu li sukcesis, alproksimigi sin al la flanko de pozitivaj formoj, aŭ ĉu li venis aliflanken.

(5) Ekzemple vi pritraktas skriban multiplikon, tiam vi agas laŭ negativa formo, kiam vi lernigas la gelernantojn nur parkere $3 \times 8 = 24$ (8 multobligita per 3 faras 24), sed laŭ pozitiva formo de metoda studo vi agas, kiam vi ek-

konigas ilin, ke tiukaze temas je tio, transformi la rilaton $3 \times 8$ en la rilaton $? \times 10 + ? \times 1$, kaj vi reprezentas la rilatojn figure ekz.:



kaj fine ĉiun etan procedon de l' diagrama desegnado simboligas pernombre

$$\begin{aligned} 3 \times 8 &= ? \times 10 + ? \times 1 \\ &= 2 \times 10 + 4 \times 1 \\ &= 24 \end{aligned}$$

tiam vi laŭmetode ekkonigas ilin, ke la matematika senco de l' multobligo estas, transformi rilaton $a \times b$ en rilaton $? \times 10 + ? \times 1$.

(6) Aŭ jen! Vi priparolas kun dekdujaraj infanoj la luktadon inter kristanaro kaj islamanoj en la tempaĝo de l' krucmilitoj, tiam vi agas laŭ la formo de onidirado, ĉar animo infana ne kapablas, i n t e r p a r o l i kun vi tian temon. Tiakaze demand-respond-ado estiĝas o n i d i r a d o.

(7) Aŭ kiam vi a l k u t i m i g a s viajn gelernantojn, legadi la staton de termometro sen tio, ke ili estas o b s e r v i n t a j plivastiĝon de korpoj per varmo, tiam vi agas laŭ negativa formo, ĉar nura alkutimiĝo estas malo de interesiĝo aŭ observado.

(8) Kaj jen! Kiam vi la lernantojn devigas, periode skribadi traktaĵetojn, tiam estas tiu laboro nura s e r v a d o, ne p r o d u k t a d o. Sed kiam ili necesakaze skribas ekz. sciigon al persono, tiam ili laŭcele produktas simplan verkon.

(9) Multaj cirkonstancoj okazigas, ke ni tagon post tago alproksimigas nin al la negativaj formoj, mi nomas nur: tromulton da gelernantoj en unu klaso, didaktikan „materialismon" de la lerneja programo. Sed ni havas konscienean devon, ĉiam alproksimigi nin al la pozitiva formaro.

(10) Mia diferencigo inter eduko kaj pedaĵo celas, pli streĉadi mian pedagogan konsciencon, por ke mi ne estu kontenta, kiam miaj lernuloj nur alkutimiĝas al certaj faktoj, onidiras, obeadas, servadas, parkere lernadas kaj diligente ekzercas, sed ke mi estos kontenta nur, kiam ili interesiĝas, interparolas, vere ludas, studas, produktas kaj festas. Estante pedagogo mi agadas jen kiel edukanto, jen kiel pedaĵiganto, sed mia konscienco estos trankvila nur, kiam mi vere pedaĵigas. Tial mi volas nomi min p e d a g o g o, nek eduk i s t o, nek p e d a j i g i s t o.

(11) En la pedagogia regiono unu koncepto ankoraŭ ne estas nocio, almenaŭ du konceptoj estas necesaj, por ke ni povu dislimigi unu nocian signifon de la alia(j). Ni volu internacie diferencigi la ĉefajn terminojn en la pedagogia sfero, ĉar sen tiu serioza klopodo ĉiuj vortoj en la IPR daŭre nur estus sonoj sen klara senco.

Kara kolego, kara kolegino, mi petas vin je via kunhelpo.

Kore salutas vin

Kurt Riedel.

# 5-a ĉefkunveno de FIAI en Stokholmo.

La Federacio Internacia de Asocioj Instruistaj (FIAI) havis sian 5-an ĉefkunvenon en Stokholmo la 13-an ĝis la 16-a de aŭgusto 1931. Partoprenis 43 delegitoj de 26 asocioj el 19 eŭropaj landoj. Ili reprezentas 607 450 edukistojn de ĉirkaŭ 20 milionoj da infanoj. Kunvenejo estis la salonego de la sveda parlamento. La salutojn de TAGE transdonis sinjoro Ahlstrand, kaj alia kolego, sinjoro Blid, disdonis al ĉiuj partoprenantoj Esperanto-ŝlosilon. Pro la somera tempo nur kvar membroj de TAGE, svedoj, ĉeestis la kongreson, krome unu Esperante parolanta instruistino el Nederlando. Dum la kongreso nur la angloj parolis angle. Kiel internaciaj lingvoj estis uzataj la franca kaj la germana lingvoj. Sinjoro Ahlstrand plue raportas, ke dum la malferma vespero 30 instruistoj el Alĝerio ĉeestis. Okaze ĉiuj prelegistoj svedaj tiam parolis france. Sed dum la dua tago la internacia lingvo estis la germana, kaj la alĝeraj instruistoj, kiuj ne komprenis la germanan lingvon, preferis brili per sia foresto.

Post la salutparoladoj la prezidanto Wolff en la nomo de la germana delegacio klarigis, kial la germanoj nur kun du delegitoj aperis, ke tio montras, en kiu grava ekonomia-financa krizo Germanujo nun estas. Plue li ankoraŭ donis jenajn principajn konstatojn: Ni vidas, ke la salajroj de la oficistoj kaj instruistoj ĉiam pli estas malaltigataj, ke la lernejoj kaj ĉiuj porjunularaj institucioj fortege estas malkonstruataj, ke legioj da juninstruistoj estas senoficaj kaj ke la nombro de la senlaboruloj daŭre kreskas. La plej grava kialo por tio estas la manko de kunlaboro de la popoloj en la ekonomia sfero, la manko de konfido inter la popoloj kaj por ni germanoj precipe la netolerebla ŝarĝo, metita sur niajn ŝultrojn post la milito per la falsa motivado de la germana kulpo de milito. Tial ni kredas ke en tiu rondo de internacia kunlaboro kaj kompreniĝo estas nia rajto kaj devo deklari la jenon: Se nia laboro de interkompreniĝo kaj interfratiĝo volas havi sukceson, estas necese, ke la homaro pleniĝu per alia animo, per animo kiu ne sekvas la postulojn de la kontrakto de Versailles, kiu ĉiam pli malfeliĉigas la popolojn.

Tiu deklaracio de la germana delegacio trovis plej streĉitan atenton kaj kaŭzis ĝeneralan detalan elparoladon. La delegito de la franca Syndicat National, Delmas, ankaŭ postulis internacian kunlaboron por venki la mondkrizon. Precipe devas estiĝi forta propagando en ĉiuj landoj, por ke la konferenco de malarmado de la Ligo de Nacioj en la jaro 1932 havu decidan sukceson.

En la multhora elparolado serio da aliaj temoj estis pritraktata. Parolis la angla delegito Henshall, la nederlanda delegito Posthumus kaj la reprezentantoj de la baltaj landoj. Ili ĉiuj akcentis la necesecon de internacia kunlaboro. Ĉiuj landoj per siaj delegitoj akceptas la ideon de la malarmado konsidere al la decida kunveno de la Ligo de Nacioj venontjare. — Por la germana instruistunuiĝo Wolff donas analizon de la spirita kaj politika vivo en Germanujo kaj de la psika sinteno de la junularo, forlasinta la lernejon en nia tempo.

La kongreso esprimis sian opinion rilate la ĝeneralan situacion per jena rezolucio: La konferenco de FIAI deklaras, ke ĝi subtenos kiel eble plej forte ĉiujn laborojn por persvadi la publikan opinion pri la neceseco de internacia solvo de la ekonomia krizo kaj pri rapida solvo de la problemo de malarmado. Ĝi deklaras, ke por ĉiuj aliĝintaj asocioj estas devo, labori kiel eble plej multe, ke la konferenco por limigo de armado havu sukceson kaj ĝi rekomendas precipe la metodon de publika manifestacio, por persvadi ĉiujn registarojn pri la pacvolo de la popoloj.

La ĉefsekretario faris la jarraporton, el kiu jenaj faktoj estis speciale priparolataj: Dum la pasinta jaro la norvega instruistunuiĝo aliĝis, oni interligis kun la instruistoj en Hispanujo kaj Finnlando. Amikaj rilatoj ekzistas kun World Federation of Education Associations. — Bonajn sukcesojn oni havis en la interŝanĝo de edukistoj kaj lernantoj. — La oficejo kunlaboris al la ilustrita perioda gazeto „A—Z", kiu sub la bildoj el diversaj landoj havas la tekston en 4 lingvoj. — Esplorante la eblecon krei internacian libron de historio, oni trovis libron, kiu aperis en Anglujo, kun la titolo: Class books of World History, verkita de Helen Coske (Oxford, Librejo de la universitato). Oni rekomendas al la asocioj ekzameni kaj kritiki ĝin. — La eldonon de kolekto de historiaj bildoj, montrantaj diagramojn el la kulturhistorio de ĉiuj popoloj, oni volas progresigi. — Estos kolektataj libroforme kaj per tio uzeblaj por plia laboro la ĝis nun eldonitaj demandfolioj kun respondoj kaj cifermaterialo.

La baloto por la ekzekutiva komitato havis jenan rezulton por 1931/32: 1. Germanujo: Wolff, 2. Anglujo: Henshall, 3. Francujo: Lapierre, 4. Nordeŭropo: Norvegujo, 5. Sudokcidenta Eŭropo: Aŭstrujo, 6. Orienteŭropo: Litovujo. Kiel ĉefsekretariojn oni reelektis Dumas kaj Lapierre. Kongresloko por la jaro 1932 estos Luksemburgo.

La kongreso poste pritraktis la du temojn de la tagordo. Unue: la eduko de la junularo forlasinta la elementan lernejon. Post detala priparolado la kunveno sin decidis por la postulo de la deviga postelementa lernejo. La nova kajero de la revuo de FIAI enhavos gravan statistikan materialon pri tio.

La dua temo estis: La pormilita eduko de la junularo en la lernejo. Tiun temon ĝuste la germanaj delegitoj proponis dum la lasta kongreso, ĉar la pormilita preparo de infanoj estis efektivigata precipe en tiuj landoj, kiuj devigis Germanujon al malarmado. La oficejo estis preparinta jenan rezolucion:

1. FIAI malaprobas ĉian pormilitan preparon en lernejoj kun lerndevo. Tiu sistemo praktike estigas animstaton, kiu jesas la militon kiel legitiman rimedon por solvi internaciajn konfliktojn.
2. La pormilitan preparadon en porinstruistaj seminarioj oni deklaris necesa pro tio ke oni volis defendi la landon per popolo armigita kaj ne per la sistemo de la profesia armeo kaj ĉar oni volis malongigi la restadon en la kazernoj. Rilate tion devas esti konstatate ke tiu preparado fine tamen akcelas la militarismon.
3. FIAI deklaras ke ĉiaspeca pormilita preparado devas esti anstataŭigata per la korpa plifortigo, kiu akcelas la harmonian evoluon de la korpo kaj gvidas la junularon al la vivo en la libera aero kaj al la internacia bonvolo. El tiu starpunkto estas ebla alkonduko al la pacvolo.

Tre strangan impreson havis la dua parto de la rezolucio, kiu estis koncesio al la pola delegacio. La poloj deklaris, ke ilia ŝtato estas ankoraŭ tre juna kaj jam kelkfoje minacata per komunistaj atakoj. Tial Polujo sin decidas por la nacia defendo. Wolff tute laŭprincipe priparolis la polajn deklarojn. Se oni volus motivi la pormilitan edukadon de la junularo, Germanujo povus preteksti multe pli gravajn kaŭzojn: malarmado de Germanujo unuflanke, tutmonda armado aliflanke, netolereblaj kontraktoj, disŝiro de la germana ŝtato kontraŭ la volo de la forŝiritaj loĝantoj, milita ambicio de la novaj naciaj ŝtatoj, limoj ĉiuflanke trapenetreblaj ktp. La kongreso devas decidi ĉu oni volas anstataŭ la longa rezolucio tute simple kaj klare diri: FIAI deklaras sin kontraŭ la pormilita preparo de la junularo en ĉiuj lernejoj. Holando kaj precipe Anglujo, Francujo kaj la nordaj ŝtatoj subtenas tiun starpunkton. Fine ankaŭ la poloj deklaras, ke ili celas

pormilitajn ekzercojn ne en sed ekster la lernejo. Tial oni unuanime akceptas jenan rezolucion: F I A I sin deklaras kontraŭ la pormilita preparado de la junularo en ĉiaspecaj lernejoj.

Estis kvar penigaj tagoj por la partoprenantoj, kiuj ne nur devis treege atenti la paroladojn, sed precipe la tradukojn, ĉar per tiuj kelkfoje la senco estis ŝanĝita. Tial estis eble: ke dum la bankedo multaj unuopuloj deklaris unu al la alia sian fidon al Esperanto kiel la venonta helplingvo de la kongresoj, ke la urbestro Lindhagen en sia malferma parolado rekomendis Esperanton kaj ke la sveda Folkskollärarnas Tidning diras: Oni nutris silentan miron, ĉu la demando pri komuna kaj neŭtrala lingvo — Esperanto — ne povus esti sufiĉe grava por fariĝi objekto de intertraktado de instruista internacio.

Kompilis laŭ Allgemeine Deutsche Lehrerzeitung kaj laŭ raporto de Gösta Ahlstrand: R. Räuber, Leipzig.

---

# Somera altlernejo de IPSI.

Internacia Profesia Sekretariejo de Instruistoj (IPSI) kiel fako de la Internacia Sindikata Asocio Amsterdam havis la komision, ellabori lernejprogramon por la sindikata laboristaro. La somera altlernejo, 7.—13. aŭgusto en Hamburg, volis trakti tiun taskon kaj destini la karakteron de la lernejo de la laborista klaso. „Lernejo kaj laboristaro“ estis la temo de la konferenco, kiun partoprenis 160 gekolegoj el 16 landoj (inter ili 70 Francoj).

Du kontraŭaj opinioj pri la esplorata problemo stariĝis: Unu rekonis la ŝtatan, senkonfesian (laikan), sciencan lernejon taŭga por la bezonoj de la laborista klaso; la alia postulis socialistan klasbatalan lernejon. Sur la unua flanko staris la Francoj, Belgoj kaj Holandanoj, sur la alia la Germanoj. La malnova lernejleĝo de Prusujo nur konis katolikan kaj protestantan ŝtatlernejojn. Tiu landleĝo validas ĝis apero de tutregna lernejleĝo laŭ la ordonoj de la germana konstitucio. Intertempe la prusa klaskonscia laboristaro prenis siajn infanojn el tiuj konfesiaj lernejoj kaj fondis kolektlernejojn kun klare proleta karaktero. En ili neŭtraleco kompreneble ne regas la edukprogramon. El tiu konkreta lernejpolitika fakto ankaŭ kompreniĝas la postuloj de la germanaj parolintoj. Sed oni ne klare diris, ke tiuj postuloj nur povas validi por tiu konkreta situacio, aŭ por la tempo, kiam la laboristaro estos akirinta la politikan regon aŭ kiam la supre nomita tutregna lernejleĝo estos disbatinta la lernejaron en diverskonfesiajn, komunajn, senkonfesiajn kaj liberpensulajn lernejojn.

Anna Siemsen-Jena kaj Boulanger-Franclando prezentis en siaj ĉefreferatoj la fundamenton por la diskuto. Siemsen montris, ke la edukado kiel funkcio de la socio neniam estis aŭ estos neŭtrala, sed ĉiam servos al la bezonoj de la reganta socia klaso. La tezo „Aŭtonomio de la edukado“ ne estas prava. La movfortoj de la suprencelanta sociklaso devas esti akcelataj per laŭplana edukado al socialismo. Por tio utilas la revolucia forto de la scienco. Elektante la traktindajn problemojn la scienco devas konsideri la specialajn bezonojn de la laborista klaso. La infanoj ne bezonas dogmojn, sed kritikeman observkapablon kaj la volon al sincereco kaj justeco. La socialista edukado esence diferenciĝas de la burĝa moderna eduko per sia sociala karaktero.

Boulanger atentigis, ke la demokrata ŝtato ebligis la emancipiĝon de eduko kaj edukisto el la katenoj de la eklezio. Dum la eklezio per enciklikoj ĉiam denove demonstracias sian netoleremon en la regiono de la eduko, en la ŝtata senkonfesia lernejo la moderna spirito trovas sian hejmon. La laika lernejo celas atingi kritikkapablon, konon de objektivaj scioj; ĝi indulgas la rajton de la infano, la liberan evoluon de la personeco, la liber-

econ de la konscienco; ĝi certigas la publikan pacon en la ŝtato kaj inter la ŝtatoj kaj akcelas la socialan e v o l u c i o n.

La belga profesoro Jadot vigle subtenis la opinion de Boulanger: Neŭtraleco atentas la rajton de la infano pri libera evoluigo de ĝia kritikkapablo. Tiu kapablo preparas la vojon al la socialismo. Science objektiva lernejo estos efektive neŭtrala. Sed la hodiaŭa burĝa lernejo estas partieca. La sociklasa sinteno devas esti superata per eduko al altruismo. La individueca tendenco estu anstataŭigata per sociala postulato: La lerneja laboro konsideru la grupan intereson kaj okazu en kolektivo.

Reinhard-Bern postulis la ekonomian demokration kiel bazon por la politika demokratio. En tiu batalo la lernejo devas partopreni. Ekonomio estu la centro de la instruado. La neŭtrala lernejo ne povas esti principa postulo de la socialista instruisto, sed eble nur taktika cedo, por tie neŭtrigi la influpovon de la burĝa socio.

Ankaŭ Nelles-Düsseldorf postulis, ke la infano estu edukata por la klasbatalo. Ĉiu instrufako servu al la socialista eduko.

Hartung-Germanlando diris, ke politika eduko estas necesa, por ekkoni la klasbatalan karakteron de la socio. Ni estas pacifistoj koncerne la imperialismon, sed ni estas partiecaj, aktivaj en la klasbatalo. Ankaŭ la infanoj jam devas lerni, kie ili staru okaze de socia batalo. La okcidentaj ŝtatoj ne jam suferas tiom krizan staton de la kapitalisma evoluo kiel Germanlando. Pro tio ankaŭ la Francoj, Belgoj kaj Holandanoj „ankoraŭ" staras en malpli akra fazo de la lernejpolitika batalo.

Bymolt-Amsterdam skizis bildon de la disfendiĝinta holanda lernejaro kaj demandis, ĉu tiu mizera stato ankoraŭ estu plimalbonigata per fondo de socialistaj, komunistaj kaj sindikalistaj lernejoj. La supera unuo de la pedagogia principo „pro la infano" portas objektive sciencan karakteron, kontraŭas al ĉiu dogmo kaj certigis la aŭtonomion de la pedagogio kaj la firman interligon de la holanda instruista asocio (Bond van Onderwijzers). L a L e r n e j o n e a p a r t e n a s a l l a ŝ t a t o, n e k a l l a e k l e z i o, n e k p o l i t i k o, n e k g e p a t r o j — s e d a l l a i n f a n o. Objektive scienca eduko plejbone servos al la homa socio.

Dj Luccio ankaŭ malaprobas, eduki armeon da dogme faŝistaj infanoj, sed deziras armeon da libere pensantaj homoj.

La plej akran parolon kontraŭ la opinio de la germanaj parolintoj diris Dumas-Paris, ĉefsekretario de la Federacio Internacia de Asocioj Instruistaj (FIAI): Klasbatala eduko estas d r e s a d o. Ni devas malaprobi ĝin pro moralaj, filozofiaj kaj pedagogiaj kaŭzoj: Neniu moralo permesas dresadon de la infano. Ĉiuj sciencoj estas nekonstantaj sed relativaj kaj ĉiam evoluiĝas, progresas. Eduko laŭ dogmo ne povas certigi la akcepton de la dogmo per la lernanto. La liberpensuloj venis el la konfesia lernejo.

Viehweg-Berka asertis pri burĝa karaktero de la franca laika (senkonfesia) lernejo kaj pri ĝia baziĝo sur ideologio de la franca revolucio: libereco, egaleco, frateco. La burĝa klaso rompis tiujn principojn, kiam la proletaro vekiĝis.

Lamszus-Hamburg parolis pri la grava problemo de la instruista personeco. Ĉiu instruisto povas esti feliĉa, se li scias pri si mem, ke li estas taŭga instruisto. La akademioj ne rigardu la konfesion, nek la abituron de la pedagogiaj kandidatoj, sed unuavice ilian kvaliton, taŭgecon. Generacio da proletaj verkistoj ekstaris — la generacio de proletaj instruistoj ankoraŭ mankas. La talentoj, kiuj ofte aperas en la laborista movado, estu uzataj por la celoj de la socialista lernejo.

Zoretti-Franclando nun resume fiksis kiel rezulton de la diskuto la programon de IPSI: La lernejo stariĝas en la batalon kontraŭ kapitalismo, eklezio kaj mi-

lito. La nunaj postuloj povas esti efektivigataj nur ekster la publika lernejo aŭ en landoj sen unueca lernejaro. La eduko devas celi: kritikeme sciencan penskapablon kaj sintezon inter individualismo kaj kolektivismo: kreskigon de la personeco kaj envicigon en la socion.

Viehweg-Berka resumis la germanan opinion: La lernejo ne estas aŭtonomia, sed funkcio de la socio. La moviganta forto en la socio estas la klasbatalo. Ĝi penas aŭ stabiligi la nunan staton aŭ eviti tiun stabiligon kaj atingi novan celon. Inter ambaŭ fortoj staras la lernejo. En la klassocia lernejo la infano fariĝas instrumento de la klasbatalo. La laboristaro devas influi la formadon de la lernejo en tiu direkto, ke la supreniĝanta generacio ne nur sufere toleru la sociordon, sed ĝin transformi ricevu volon kaj kapablon.

La venonta somera altlernejo — 1932 en Amsterdam — traktos la temon „La proletaria instruisto".

### Esperanto-manifestacio de la Somera Altlernejo.

Kvankam nur tri lingvoj estis reprezentitaj dum la konferenco (franca, holanda kaj germana), tamen la laboroj suferis pro la lingvaj malfacilaĵoj. En la unua laborkunsido la ĉeestantaro formis du grupojn, franclingvan kaj germanlingvan, por aŭskulti la du ĉefreferatojn Siemsen, Boulanger. Bedaŭrinde tiu dispartiĝo daŭris ankaŭ ekster la kunsidoj, sur la vojo el kaj al la sindikatdomo, dum vizitoj al diversaj institucioj kaj dum ĉiuj komunaj aranĝoj. Jen franclingva grupo, jen germanlingva. Mankis la persona interamikiĝo. Kaj kiam la grupoj iom estis miksitaj sur la urbfervojo, en la lifto de la hotelo Heimstätte, la amikoj de la „internacia solidareco" mutaj staris vid-al-vide. Simile kunsidis la sinceraj diverslandaj amikoj en amika vespero, kiun estis aranĝinta la Hamburga instruista asocio en la Curio-domo. Kelkaj Hamburgaj kolegoj pasie esprimis sian profundan bedaŭron, ke „ni estis disigitaj kvazaŭ per muro".

En la laborkunsidoj montriĝis la kutimaj kompren- kaj tradukmalfacilaĵoj. La tradukoj ne havis la personan noton de la diskutintoj. Kvankam tre koncizaj, ili forprenis valoran tempon. Kelkfoje estiĝis paŭzo, por pretigi la tradukon. Parto el repliko de Dumas ne estis tradukata, ĉar la formo de liaj paroloj ne facile povis esti prezentata en germana lingvo (! !). Sendube tiuj paroloj netradukeblaj ne estis bagatelaĵoj, des malpli, ĉar ili staris en decida punkto de la diskuto (! !).

Tiuj spertoj pri la malperfekteco de tia konferenc-„tekniko", la sincera volo de la IPSI-estraro kaj la sinteno de la germana organo „Der Volkslehrer", simpatia al Esperanto, kaŭzis bonan viziton de la Esperanto-manifestacio (proks. 100 partoprenantoj post iom streĉiga labortago!).

Bracops-Bruselo, membro de la estraro, prezidis la kunvenon. Flue parolante Esperantlingve li menciis la pasintjaran decidon de IPSI, akceli Esperanton, kaj la sperton de la nuna konferenco denove montrinta la bezonon de la komuna lingvo.

Eminentaj reprezentantoj el kvin landaj sekcioj de IPSI prenis la parolon: Viehweg-Berka, Lapierre-Paris, Lassnigg-Wien, Felix-Wien, Maltha-Rotterdam, Borget-Belgolando, ankaŭ la prezidanto kaj la sekretario de TAGE. Ĉiuj reprezentantoj de IPSI konfesis sian konsenton kaj simpation al Esperanto, akcentis ĝian valoron por la kunlaboro de la laboristoj kaj instruistoj de ĉiuj landoj kaj por la akcelo de la mondpaco, deklaris, ke la sekcioj de siaj landoj volas subteni la Esperanto-movadon, kaj bedaŭris, ke ili mem pro manko de tempo ne jam lernis la internacian lingvon. Lapierre — ankaŭ sekretario de FIAI — eĉ diris, ke laŭ lia opinio la diskutoj de la

konferenco per apliko de Esperanto jam estus finiĝintaj.

(Dumas-Paris en persona interparolo ankaŭ deklaris, ke li konvinkiĝis pri la neceseco de Esperanto, ke la helplingvo havas specialan gravecon por ŝtatoj kun naciaj malplimultoj, kaj ke ĝi estas nemalhavebla por eldono de internaciaj instrulibroj!)

Maltha montris la urĝan bezonon de Esperanto en la holandaj lernejoj. La sep milionoj de la holanda popolo bezonas lerni la lingvojn de la tri grandaj najbaroj: la anglan, francan kaj germanan. Tio estas peza ŝarĝo por la lernejo. Ĉiuj tri fremdlingvoj estas devigaj por la pedagogiaj studentoj! Esperanto estas varme bonvenata kiel senŝarĝigo de la holanda instruistaro. La holanda instruista asocio jam kelkfoje rekomendis al la ministerio la enkondukon de Esperanto en la lernejon.

La sekretario de TAGE konstatis, ke IPSI estas la unua internacia instruista asocio, kiu per tia impresa oficiala aranĝo manifestaciis por Esperanto. Tio ne estas hazardo, ĉar la socialista principo de la internacia solidareco ne povas malhavi komunan lingvon, kaj ĉar la socialista postulo de laŭplane organizita ŝtat- kaj mondekonomio estas parenca al la movado por laŭplane organizita homara lingvo. Esperanto ebligas la personan interfratiĝon de la instruistoj el ĉiuj landoj. La gvidantoj de la instruistaro, kiuj pro manko de tempo ĝis nun ne lernis Esperanton, ŝparos per apliko de la helplingvo pli ol la tempon bezonitan por ĝia ellerno, sekve de radikala plisimpligo de ĉiuj internaciaj laboroj.

Nia prezidanto, k-o Roome-Sheffield, transdonis la salutojn de TAGE. Li parolis pri erarigo de la publika opinio per nekontrolebla tendenca raportado en eksterlanda gazetaro; pri la vizitoj de MacDonald en Paris kaj Berlin, dum kiuj tradukanto devis peri la interparolon inter la politikistoj, kaj pri la ŝparprojektoj de la angla registaro. K-o Roome meritas nian dankon, ĉar li riskis pro tiu Esperanto-manifestacio maltrankvilan marvojaĝon kaj oferis sufiĉan monon por tiu afero. Li modele montris al IPSI nian aktivan pretecon, ĉiuforte subteni ilian klopodon pri enkonduko de Esperanto en ilian internacian membraron.

Laŭ la decida kaj serioza volo, kiun ni observis en la IPSI-estraro, ni rajtas esperi, ke Esperanto en tiu instruista internacio rapide antaŭenmarŝos. Kaj ĉar la plej granda landa sekcio de IPSI, la franca Syndicat National, samtempe estas sekcio de FIAI, kies ambaŭ sekretarioj eĉ parolis en Hamburg por Esperanto, ni vidas libera la vojon de la Esperanto-progreso en la tutmonda instruistaro.

Certe la venonta konferenco de IPSI, 1932, en Amsterdam, meritas nian tutan atenton kaj nian plej viglan intereson. Ne nur pro la solvo de la lingva problemo, sed ankaŭ pro la pedagogia kaj socia problemo, kiun anoncas la temo de la konferenco.

---

## Iom pri la norvegaj instruist-lernejoj laŭ nova plano.

La kurso de niaj lernejoj por perfektigi geinstruistojn por la popol-lernejo estis ĝis nun trijara. Sed jam de longe postulas — precipe la instruistoj mem, ke oni plivastigu kaj altigu la kurson al kvarjara kiel en Svedujo kaj Danujo. Je la pasinta jaro nia parlamento („Stortingel“) plenumis tiun postulon, kaj la nova leĝo, sankciita de la reĝo, jam ekfunkciiĝis. Ni povis komenci la novan lernjaron laŭ la nova aranĝo.

Ĉe ni ne ekzistas iu antaŭpretigejo — kiel iam ekz. en Prusujo — kiu direkte celas prepari por la seminario; sed la aspirantoj, plenfarinte la kurson de l' popollernejo, kutime frekventis iun pli malpli daŭrigan kurson, por konkuri pri loko

ĉe la seminario. Tia kurso nun estas deviga.

Niaj seminarioj aŭ instruist-lernejoj (oficiale oni ne plu nomas ilin seminarioj) estas ĉiuj komunaj por ambaŭ seksoj; la gelernantoj estas instruataj kune en ĉiuj lecionoj, escepte tiujn de gimnastiko kaj manlaboro (la viroj slojdas, kaj la virinoj kudras). La aspirantoj devas havi 17 jarojn antaŭ la fino de la kalendara jaro (pli frue 18 jarojn). La plej granda nombro da gelernantoj en ĉiu klaso estas 30.

El la lernejoj estas 8 ŝtataj kaj 3 privataj; la plano estas la sama, sed en la ŝtataj la instruado estas senpaga: la privataj tamen ankaŭ ricevas ŝtat-subtenon.

Jen tabulo, kiu montras la nombron kaj distribuon de la lecionoj ĉiusemajne. La 1. kl. estas la unua lernjaro.

| Fako | I Kl. | II Kl. | III Kl. | IV Kl. | Sumo |
|---|---|---|---|---|---|
| 1. Religio | 3 | 3 | 3 | 3 | 12 |
| 2. Patra lingvo | 7 | 6 | 5 | 5 | 23 |
| 3. Fremda lingvo | 5 | 3 | 2 | 2 | 12 |
| 4. Historio | | 3 | 3 | 3 | 9 |
| 5. Geografio | 3 | 2 | | | 5 |
| 6. Fiziko kaj ĥemio | 2 | 3 | 3 | | 8 |
| 7. Biologio | 2 | 2 | 2 | 2 | 8 |
| 8. Matematiko | 4 | 4 | 3 | | 11 |
| 9. Skribado | 1 | | | | 1 |
| 10. Desegno | 2 | 2 | 2 | 2 | 8 |
| 11. Manlaboro | 2 | 2 | 2 | 2 | 8 |
| 12. Muziko k. kantado | 3 | 2 | 2 | 2 | 9 |
| 13. Gimnastiko | 3 | 3 | 3 | 3 | 12 |
| 14. Pedagogio | | 2 | 3 | 3 | 8 |
| 15. Prakt. ekzercado | | | 4 | 9 | 13 |
| | 37 | 37 | 37 | 36 | |

Cetere la gelernantoj en la unua klaso havas aparte ekzercojn pri voĉ-uzo (laŭ la metodo de profesoro Engel). La klaso estas dum ĉi tiuj lecionoj dividita en malgrandajn partojn, tiel ke ĉiu lernanto ricevas ekzercon dufoje ĉiusemajne.

La instruado pri la patra lingvo kaŭzas iom da malfacileco; ĉar ni havas en nia lando du norvegajn lingvojn, oficiale egaligitajn: la „riksmaal" precipe uzata parole kaj skribe, en nia literaturo, gazetoj ktp. — kaj la „landsmaal" (ankaŭ nomata „nova norvega lingvo"), konstruita sur la diversaj dialektoj, speciale en la okcidenta parto de nia lando. Tiu ĉi lingvo estas laŭ la opinio de niaj „nacionalistoj" pli pura norvega ol la riksmaal, kiun ili asertas tro forte influita de la dana, kaŭze de nia kvarcentjara unuiĝo kun Danujo. Sed tiu ĉi iom artefarita lingvo ŝajnas al la gelernantoj el la orienta Norvegujo iom fremda, kaj la instruado pri ĝi postulas ne malmulte da tempo; ĉar ĉiu lernanto devas lerni skribe uzi ambaŭ lingvojn. Pro tio la lecionoj ne sufiĉas por legi fremdan tradukitan literaturon, nek klasikan, nek modernan; la legado estas limigita ekskluzive al norvega literaturo, krom iomete de sveda kaj dana. Same pri la literaturhistorio.

La profitoj de la nova aranĝo estas precipe:

1. Enkonduko de unu fremda lingvo, angla aŭ germana, plejparte la angla, ĉar ĉi tiu lingvo nuntempe estas libera fako en la plej supraj klasoj de multaj urbaj popollernejoj.
2. Laboratoriaj ekzercoj en biologio, fiziko kaj ĥemio.
3. Plej multaj praktikaj ekzercadoj en la popollernejo. Ni ne havas apartajn ekzerclernejojn, aliĝintajn al la instruistlernejoj, sed la gelernantoj praktikas ĉe iu proksima popollernejo, kies geinstruistoj gvidas la instruadon.

Kompreneble la plano enhavas multajn fiksajn regulojn kaj utilajn konsilojn pri la lernmaterialo, la metodo kaj celo de ĉiu fako. Sed pli detale pritrakti la planon oni ne povas en ĉi tiu mallonga resumo.

Olaf Stóren

ĉefinstruisto ĉe la Ŝtata instr.-lernejo en Holmestrand.

## Ekonomia krizo — bonvena tempo por lernejpolitika reakcio.

Kiam la propono Hoover, prokrasti por unu jaro la germanajn militŝuldpagojn destinitajn en la Young-kontrakto, la germanaj oficistoj jam estis ŝarĝitaj per salajra ofero de 2½% kaj per du ŝpardekretoj de 6% kaj de 5%. La oficistoj kaj la popollernejo devas resanigi la ruinigitan ŝtatbudĝeton — jen la devizo de la influhavaj gvidantoj de germana ekonomio. Jen la Hoover-jaro! La naivuloj inter ni kredis, ke ĝi alportus trankviligon de la ekonomia mortiga febro, kaj ke nun finiĝus la atakoj kontraŭ la vivstandardo de la oficistoj. Kia trompiĝo! Bato post bato skuis la socion. La „Darmstädter und Nationalbank" likvidiĝis. Sekvis aliaj bankoj kaj industriaj entreprenoj. Ŝparkasoj kaj bankoj fermis siajn pordojn. Denove kreskis la armeo de senlaboruloj. Nun la germana ŝtatprezidanto publikigis dekreton, per kiu la landaj registaroj ricevis ĉiun rajton, certigi la budĝetojn per rigoraj ŝparleĝoj sen kontrolo aŭ kunlaboro de la parlamentoj. En ĉiuj landoj de la germana ŝtato la oficistoj kaj kelkfoje nur la instruistoj kaj la lernejo estis ĵetataj sub novan, pezan diktaton de ŝpardekreto. Ĉar la saksa dekreto (publikigita la 21-an de septembro) estas tipa por ĉiuj, ni komunikas ĝiajn ĉefajn trajtojn al nia internacia legantaro.

Al la du supre nomitaj malaltigoj de la salajro je sume 11% venas nova forpreno de 5—9%. K r o m t i o la sumoj validaj laŭ la salajro-leĝo estas malaltigataj je 50 gmk. ĝis 400 gmk. ĉe la seminaria popollernejinstruisto, 600—1500 gmk. ĉe akademia popollernejinstruisto, 200-400 gmk. ĉe akademia mezgrada instruisto. Kaj trie la dujara daŭro ĝis atingo al pli alta salajra ŝtupo estas plilongigata ĝis kvar jaroj. La sumoj, kiujn devis oferi popollerneja instruisto de la lasta salajra ŝtupo, kreskis de 170 gmk. (unua porregna ofero), 408 gmk. (unua ŝpardekreto), 726 gmk. (dua ŝpardekreto) ĝis 1272 gmk. (lasta ŝpardekreto) pojare ! !

La maldolĉo de tiu salajra malaltigo ankoraŭ pliakriĝas per la ekscita konstato, ke la ŝpardekreto enhavas politikan maljustecon: Ni komparas la sumojn forstrekitajn el la salajra leĝo (rig. supre) dum 40-jara servo de

1. popollerneja instruisto (10 600 gmk.),
2. akademia popollerneja instruisto (56 000 gmk.),
3. akademia profesilerneja instruisto (59 400 gmk.) kaj
4. akademia mezgradlerneja (gimnazia) instruisto (3 600 gmk.).

La sumoj sub ciferoj 2, 3 kaj 4 ne montras preseraron, sed la nekaŝitan partiecon de la verkintoj de la dekreto. Ĝis nun la diversaj klopodoj de la reakciemuloj, forigi la novan akademian preparvojon de la popolinstruistoj („malbenatan" donacon de la revolucio), fiaskis. Ĝoje oni nun pretekste uzas la ekonomian krizon, por efektivigi politikan celon. De la mezgradlernejaj akademiuloj, la plej alte salajrata instruista grupo, la dekreto prenas sume 3 600 gmk., sed de la popollernejaj kaj profesilernejaj akademiuloj estas prenataj 56 000 kaj 59 400 gmk. ! ! Per tio oni denove volas krei larĝan distancon inter popollernejaj kaj gimnaziaj instruistoj. Kaj eble oni esperas per tio mortige vundi la pedagogiajn institutojn kaj akademiojn.

Geedzoj, kiuj ambaŭ estas instruistoj (aŭ aliaj oficistoj), estas ŝarĝataj krom per la supre nomita triobla salajro-malaltigo per aparta ofero de po 20%. Tio signifas, ke efektive la kunlaboro de la edzino estas pagata nur per proks. 40% de ŝia ĝisnuna salajro!

Sed la triobla atako kontraŭ la salajro ne estas la sola faro de la saksa ŝpardekreto. Ĝi estas akompanata de paragrafoj, kiuj samtempe plialtigas la devojn de la instruistoj: La laŭleĝa nombro de instruhoroj deviga por popol- kaj profesilernejaj instruistoj estis 28 posemajne.

La dekreto destinas 30 horojn ankaŭ por la instruistoj pli ol 45-jaraj, kiuj ĝis nun fakte ĝuis la leĝan nombron de 28.

Ĉiuj liberaj horoj, donitaj rekompence por administraj porlernejaj laboroj (escepte por lernejestroj) estas forstrekataj. Eĉ tiuj por la membroj kaj la prezidantoj de la instruistaj distriktkonsilantaroj. Kvankam la kunlaboro de tiuj konsilantaroj estis laŭdita de registaro kaj lernejinspektoroj, la reakciemuloj ne ŝatas tiun gravan instruistan rajton ankaŭ donitan post la revolucio. Sekve ankaŭ tie pretekstо uzas la ekonomian mizeron por forpreni malamatan politikan rajton: Ĝi ne estas forstrekata, sed malebligata per forpreno de la necesa tempo.

La laborhoroj por maldiligentaj aŭ malbonkondutaj punindaj infanoj (korpa puno estas malpermesita) ne plu estas pagataj. La instruisto oferu mem plian nepagatan tempon por tiu celo. Li punu sin mem, punante la infanon.

Plia malfaciligo de la malpli salajrata kaj plimultigata laboro estas la ordonata plialtigo de la klasa infannombro (klasfrekvento). La leĝa nombro 35 estis maksimuma nombro. Nun ĝi fariĝas meznombro. Kaj ĝi eĉ baldaŭ estos transpaŝata, ĉar por la kresko de la saksa infannombro je 60 000 en la venonta lernjaro neniu nova klaso estos fondata! Danĝerigo de la aktiva laborlernejo!

La nombro de la instruhoroj por la klasoj posemajne estas reduktata je du en ses klasŝtupoj. Tio estas perdo de 480 instruhoroj en ses jaroj por la infano. Se ankoraŭ estas forstrekataj pliaj 8 horoj en kvar klasoj, la perdo dum okjara lernejtempo estas 800 instruhoroj por la infano, tio estas preskaŭ plena lernjaro! Tamen la ministro diras, ke la klerecnivelo de la lernejo estos konservata!

Ĉiu nedeviga instruo (kursoj: Esperanto kaj aliaj fremdlingvoj, stenografio ktp.) estas forstrekata.

La menciitaj paragrafoj signifas plilarĝigon de la labortempo kaj de la labordevoj de la instruisto kaj malmultigon de la postennombro. La sekvo estas la senlaboriĝo de la junaj instruistoj. La dekreto diras, ke ĉiuj aspirantaj instruistoj (ne jam oficigitaj) estu maldungataj por 31-a de oktobro 1931! La laŭleĝa tempolimo por maldungo estas ŝanĝita el tri monatoj en unu monaton! Antaŭ aperigo de la dekreto la ministro promesis al la reprezentantoj de la saksa instruista asocio, ke li nepre volas eviti senlaborigon de la juninstruistaro. Jen, kiel li plenumis sian promeson: La maljunaj instruistoj post la 60-a vivjaro povas fordoni ĝis $^1/_6$ de siaj devigaj instruhoroj, rezignante la koncernan salajroparton. La liberigitaj horoj kaj postenoj estos donataj al nun maldungitaj juninstruistoj. Do, la instruisto, grave frapita per la ŝparleĝo, plu oferu pro solidareco kun la juna instruista generacio, senlaborigita de la registaro. La piedbatita instruistaro nun helpu, ke la ŝpardekreto povas esti efektivigata, sen lezi la rajton de la junaj kolegoj, por ke la registaron ne trafu la malbeno de la eksoficigita juninstruistaro.

Laŭ la germana konstitucia leĝo ĉiu infano rajtas eniri iun lernejon laŭ sia kapablo kaj inklino, sendepende de la ekonomia kaj socia pozicio de la gepatroj. La ŝpardekreto zorgas, ke tiu ordono restas bela paperaĵo: La vizito en mezgradaj (gimnaziaj) lernejoj nun kostas 240 gmk. jare (anstataŭ 180 gmk. ĝis nun). Eĉ por la 9-a kaj 10-a lernjaro (5-a kaj 6-a ŝtupo de duagrada kolono de la popollernejo, kondukanta al „meza maturo“) kaj por profesiaj klasoj kun 30 instruhoroj estas postulata kotizo de 60 gmk. jare. En tiu tempo de senlaboreco tiu destino estas netolerebla financa ŝarĝo de la popolamasoj. Do ili reprenu siajn infanojn el la duagrada aŭ mezgrada lernejo. Tiu ree estiĝu privilegio de la pli alta reganta sociklaso. Kial la suba sociklaso bezonus scion kaj kleriĝon por siaj infanoj? Per tio ili ja nur fariĝas pretendemaj.

Politiko — reakcio!

Por averti la registaron kontraŭ danĝeraj decidoj la instruista asocio Leipzig antaŭ la aperigo de la dekreto okazigis protestkunvenon de 4000 partoprenintoj. Kiel parolontoj ankaŭ estis anoncitaj la lernejinspektoro de Leipzig kaj la direktoro de la pedagogia instituto ĉe la universitato Leipzig. Sed la registaro malpermesis la partoprenon al ambaŭ personoj! La Saksa Instruista Asocio okazigis (11-an de oktobro) en Dresden eksterordinaran ĉef- kaj delegitarkunvenon, por protesti kontraŭ la lernejdestruo. Pli ol 5000 geinstruistoj unuanime avertis la registaron. M. Goldberg.

---

# Internacia Pedagogia Ĉe-kurso en Krakovo.

Ĝi okazis antaŭ la Universala Kongreso de Esperanto en Kraków de la 20-a de julio ĝis 1-a de aŭgusto. Oni malfermis ĝin por publika kunveno kun provleciono. Kaŭze de amasa partopreno de Krakovanoj poste estis aranĝataj du kursoj: matena kun ĉ. 140 personoj, inter ili 30 eksterlandanoj el 14 landoj, kaj vespera kun 75 personoj. Pastro Ĉe gvidis la kursojn en konata, sukcesa maniero.

Tute nova estis la seminario, kiu daŭris de la 29-a de julio ĝis 1-a de aŭgusto ĉiumatene de la 9-a ĝis 13-a. Post reciproka prezentado de la estonta gekolegaro esperantista sekvis prelego de Ĉe kun interrompoj por diskuto. Li pritraktis sian metodon kaj la agadon de la Ĉe-Instituto kiuj ambaŭ celas plejeble sukcesan kaj organizitan Esperanto-instruon. Mi citas la plej gravajn punktojn el la prelego:

Ĉu la Ĉe-metodo estas rekta aŭ malrekta, tio estas malgrava demando. Plej grave: ĝi estas „paroliga“ metodo. Kion montris Ĉe ĝis nun, estis ĉiam nur elementa kurso. Daŭriga kaj eble perfektiga kursoj estas necesegaj kaj verŝajne eldonotaj de la Instituto. La principoj aplikataj en la Ĉe-kursoj (demandado, komuna respondado, sinsekvo de la gramatikaj malfacilaĵoj, demandfolioj, konversacia literaturo ktp.) estas bonaj, ĉar ili kondukis evidente al sukceso. Gravaj ŝanĝoj estas maleblaj sen detruo de la tuto. Tial absolute ne ŝanĝu! La metodo estas propraĵo*) de pastro Ĉe; pro tio kaj por garantii bonan sukceson ĉiu kiu volas instrui laŭ Ĉe-metodo bezonas rajtigilon de la Intituto. Fremda, eksterlanda instruisto estas pli alloga ol enlandano. La Instituto peras tiajn kaj elsendas krome prelegantojn. Ĝi volonte donas informojn. Rilate al specialaj kaj porinfanaj kursoj validas aliaj reguloj ol la supre menciitaj.

La diskuto estis vigla. En la lasta tago kelkaj partoprenantoj faris provlecionetojn, parte tre sukcesajn. Pastro Ĉe donis siajn lastajn fortojn jam eluzitajn per la du kursoj al la seminario. Ni devas nepre kaj kun plena konfido subteni la agadon de li kaj de lia instituto kiu, nun lerte gvidata de sinjorino Isbrücker, estos bona bazo por plua disvastigo de Esperanto. Ripetoj de similaj aranĝoj estas projektitaj. J. K. jr.

*) Tio estas nekutimaĵo en pedagogia sfero. — La Red.

---

# Norvegaj geinstruistoj ekŝatas Esperanton.

La norvega geinstruistaro estis antaŭ ĉ. tri jaroj tute indiferenta je Esperanto. Sed la vigla movado en Svedlando, kreita de pastro Ĉe, donis al ni certajn eblecojn, kiujn Norvega Esperantista Ligo per sia prezidanto, s-ro kapitano Rolf Bugge Paŭlsen kaj la del. de UEA s-ro Arne Arnessen en intima kunlaborado bone utiligis. Per informoj kaj artikoloj en la geinstruistaj gazetoj ni iom post iom vekis atenton por nia lingvo. En la printempo lastjare ni fine sukcesis kunveni kun la prezidanto de la

instruista kaj la instruistina asocioj en Norveglando, ĉefinstruisto A. Kirkhusmo kaj ĉefinstruistino Anna Sethne por decidi pri aranĝo de Ĉe-metoda Esperanto-kurso kaj invito de pastro Ĉe. La kurso okazis dum julio 1930 en la universitato de Oslo sub la aŭspicioj de la du menciitaj asocioj kaj oficiale aranĝita de la norvega sekcio de la mondasocio por nova edukado. Aliĝis de komence 43 kaj finis 87!, inter ili ĉ. 40 geinstruistoj.

Kaj per tio ni faris breĉon en la forta muro. Jam en la samjara aŭtuno N. E. L. invitis D-ron Ottmar Fischer el Rumanujo por fari novan kurson, kiu okazis en lernejo antaŭ 60 partoprenintoj; inter ili ĉ. triono estis geinstruistoj. Multaj el ĉi-tiuj poste partoprenis perfektigajn kursojn kaj du instruistoj eĉ instruas nedevige 2 infanklasojn (de sesa kaj kvina klaso).

Dum la pasinta pentekosto la subskribinto estis invitita fari paroladon pri „Esperanto kaj la popollernejo" ĉe jarkunveno de geinstruistoj de la distrikto Buskerud. Tuj post la parolado okazis Ĉe-metoda provleciono kaj la kunveno unuvoĉe akceptis la jenan rezolucion:

„Konsiderante la gravan signifon de la helplingvo Esperanto kiel kompreniĝilo inter la homoj, kaj

konsiderante la sendube praktikan utilon de la lingvo por la junularo ni rekomendas al la lernejaj aŭtoritatuloj plej varme subteni ĉiujn paŝojn celantajn enkonduki Esperanton en la popollernejojn kaj la seminariojn."

Krome la geinstruistaj asocioj en la distriktoj Buskerud kaj Vestfold decidis aranĝi Ĉe-metodan Esperanto-kurson dum la lerneja ferio. La kurso okazos en Danvik lernejo apud Drammen kaj gvidos ĝin la subskribinto.

Ĉio ĉi-tio klare montras, ke la ĝenerala intereso por Esperanto inter la norvegaj geinstruistoj nun vekiĝis kaj oni rajtas esperi daŭrigan evoluon dum la venontaj jaroj.

Tre ĝojige estas, ke la geinstruistaj fakgazetoj montras favoron al nia afero, kaj volonte donas lokon por informoj pri Esperanto, en „Skolebladet" eĉ preskaŭ ĉiusemajne. Arne Arnessen.

---

# Brita Unuiĝo por Ligo de Nacioj akcelas Esperanton.

La 15-a kongreso de la Federacio Internacia de la Societoj por la Ligo de Nacioj (pentekoste 1931 en Budapest) decidis, peti la Ligon de Nacioj, ke ĝi plej eble frue kunvoku tutmondan edukkonferencon, kiu traktu la temon „Kiel konigi la Ligon de Nacioj kaj kiel evoluigi la senton de internacia kooperado". La Brita Unuiĝo por la Ligo de Nacioj sekve de iniciato de s-ro Durrant-Woodbridge kaj de la Brita Esperanto-Asocio decidis, proponi al tiu edukkonferenco,

1. esplori la valoron de internacia helplingvo kiel rimedo por akcelo de la internacia interkompreniĝo.
2. elekti la plej taŭgan lingvon.
3. rekomendi la metodojn, per kiuj plej-bone ĝi povas esti instruata.

La TAGE-kunsido en Krakovo bedaŭrinde rifuzis, aŭskulti kaj diskuti tiun aferon. Kompreneble TAGE subtenus tian mondkonferencon per plej vigla propagando inter siaj membroj — kiel ĝi jam aktive partoprenis la packonferencon 1927 en Praha. Ni tre dankas al la Brita Unuiĝo por la Ligo de Nacioj por la instigo kaj kun intereso atendas pliajn informojn, kiujn ni tuj komunikos al nia membraro.

---

# Recenzoj.

Herm. Haefker, Jarmiloj pasas. Universala Historio. Verkita originale en Esperanto. Kun ses artaj reproduktaĵoj kaj dekunu geografiaj skizoj. II-a volumo. 255 pĝ. 16×23 cm. Duonlede bindita. Prezo gmk. 9.—. I-a kaj II-a volumoj

en unu volumo gmk. 13.50. Köln 1931. Heroldo de Esperanto. Vidu la recenzon pri la I-a volumo en IPR 1931, pĝ. 45! Mondvaste pensanta instruistaro nun havas la unuan verkon kiel direktilon por la instruado pri mondhistorio en superaj klasoj de mezagradaj lernejoj. Supernacia vidpunkto kaj kvintesenca prezentado estas la ĉefaj preferoj de tiu prihistoria verkego. La dua volumo temas je la fino de Meza Epoko kaj je Nova Epoko (en 200 paĝoj) sub la gravega titolo „Tempoj de Scio". Tiu lasta parto estas artikita jene: La deksesa jarcento, Por la divido de l' mondo, Popoloj, fantomoj kaj libereco, Mondfermentado, Estanteco kaj estonteco. Mi plene konsentas, se la aŭtoro skribas, ke ĉiu politika faraĵo estas mekanika naturokazaĵo, kiu furiozas ĝuste ĝis tiam, kiam malstreĉiĝis ĉiuj fortoj streĉitaj en ĝi (pĝ. 385) kaj (aliloke) ke en politika sfero animaj emocioj, pretendoj kaj deziroj estu ne pesataj laŭ sia morala praveco, sed nur laŭ la mezuro de sia politika dinamiko (pĝ. 408). Same estas prave, ke „la propra subjekto kaj objekto de l' mondhistorio ja ne estas la ŝtatoj, sed la unuopaj homoj" (pĝ. 467). Ankaŭ estas certe, ke la unuopulo povas fariĝi kulturhomo kaj ĝoji pri sia kulturo nur, kiam tion permesas liaj ekonomiaj vivkondiĉoj. Tion ja geinstruistoj spertas grandskale nuntempe. — Mi nek volas nek povas kritiki detalaĵojn, sed je unu eraro mi devas atentigi: „laŭnatura" vivo ne signifis por Rousseau „bestosimilan ekzistadon". Kelkaj germanismaj vortgrupoj adverbaj ĝenas min, ekz. „des pli" (pĝ. 355 kaj aliloke) sen responda „ju". Ni evitu nacilingvajn elipsojn! K. R.

**Legu ĝin trifoje,**

la beletan, amindan kaj multinstruan libreton de D-ro Edmond Privat pri „Esprimo de sentoj en Esperanto"! La verketo ne estas havebla en la libera librokomerco. Skribu al la Universala Esperanto-Asocio, Eldona Servo, Genève.

La unuan fojon vi ricevos precipe la impreson de facilflua, sprita babilado bonstila. Vi admiros la arton de l' verkisto, per malmultaj strekoj elmontri abundon da pli malpli gravaj lingvaj demandoj, ĉiam interese, spiritplene kaj bonhumore traktataj. La ĝuo de l' legado lasas al vi nur malmulte da tempo, pli profunde enpenetri la sciencajn detalojn.

La duan vi malkovros, ke tie ĉi kaj tie kuŝas ŝtono, trans kiun vi ne povos facilmove salti. Vi haltos kaj pripensos, ĉu efektive vi povos sekvi la aŭtoron sur lia vojo. Plej ofte fine vi diros jes, konvinkite per la lerta argumentado de l' eseisto. Kelkafoje tamen restos dubo. Ĉu la potencosfero de la logiko ĉie estas limigita ĝuste? Ĉu nelogika povas esti frazo, kiu ŝajne pekas kontraŭ la realeco aŭ kontraŭ la ekstera lingva leĝo kaj tamen por neniu ajn estas miskomprena? Ĉu ekzemple estas nelogike, nomi certan ministron azeno, aŭ lian filinon anĝelo? Ĉu la logiko tiam kaj tiam ne estas kaŝita en la kunteniĝo de la frazoj? Ĉu kelkafoje ne konfuziĝas logiko kaj laŭlitera vero? La trian fojon ĉiuj tiuj duboj malaperos. Vi pririgardos la tutaĵon de la argumentado kaj vidos la detalaĵojn en ties kadro, komprenos pli precize la efektivan sencon ne ĉiam laŭliteran de la vortoj kaj konsentos danke la verkiston, kiu grave riĉigis viajn lingvajn intereson kaj komprenon.

Ĉar efektive atenta studado de la libreto multon povas al vi doni tiurilate. La serĉlaboro de l' aŭtoro, samtempe sincera kaj amuza, fortiras la kovraĵon de multaj lingvaj aferoj, kiujn kutime ni apenaŭ atentas, nek trarigardas. La elmontro de la maniero, kiel multvarie kaj sekrete la lingvo esprimas la sentojn, la ĉefcelo de l' verketo, estas altgrade instrua por ĉiu ajn, kiu emas lingvajn demandojn, eĉ por lingvosciencistoj. Krome la verkisto pritraktas multajn aliajn lingvajn aferojn parte Esperantajn, parte ĝeneralajn. Jen la ĉapitrosurskriboj: Studo post kutimo. Ĝenerala priskribo

de la lingvo. Reagoj el ekstero. Ecoj karakterizaj. Esprimaj rimedoj. Logiko kaj sento. Diversaj roloj de afiksoj. Sentoj kaj gramatiko. Sento kaj „internacieco". Sentoj kaj „Fundamento".

Resume: La beleta verketo de D-ro Privat estas ne nur bonega propagandilo por Esperanto, sed ankaŭ tre taŭga, bonvena instigilo al ĝeneralaj lingvaj rigardado kaj pripensado. Do: Legu ĝin trifoje! D-ro Kraner, Dresden.

Tridek jarojn en la ora nordo. De Jan Welzl. Esperantigis kaj eldonis Moraviaj Esperanto-Pioniroj, Olomouc (Ĉeĥoslovakujo). 1931. 314 pĝ. Nebindita sv. fk. 5.—, bind. 6.—. Aĉetu kaj legu tiun libron, kiu estas unu el plej belaj en Esperantujo! La aŭtunon 1928 post 30 jaroj revenis ĉeĥa aventurulo al sia patrolando. „Estante junulo li foriris el sia hejmo . . ., piede li marŝis al Genova, de tie li veturis al Ameriko kaj reen preter Afriko kaj trans Hindan Oceanon al Vladivostok kaj poste al Irkutsk, de kie li piediris trans Siberion ĝis la Arkta Maro kaj eklogis sur la insulo Nova Siberio inter Eskimoj. Li ĉasis tie kaj negocis, oni elektis lin estro, li akiris konsiderindan havaĵon, sed en la jaro 1924, kiam frakasiĝis lia malgranda ŝipo sur la bordo de Pacifiko ĉe Usono, oni arestis kaj eskortis lin al Eŭropo, ĉar li ne posedis dokumentojn." Lia scipovo de la ĉeĥa lingvo malpliiĝis, la germanan, kiun li scipovis en sia junaĝo, li uzis malofte, el la rusa li scias nur iom, la anglan li parolis kiel elmigrulo. Li scipovis dektri mongol-eskimajn lingvojn kaj dialektojn, kaj el ĉio tio estas miksita lia persona parolo. Du redaktoroj kun Welzl verkadis tiun plej interesan vojaĝpriskribon ĉeĥalingve kaj Moraviaj Esperanto-Pioniroj tradukis ĝin. Por geinstruistoj la libro estas grava fonto de detalaj sciiĝoj pri la vivo, moroj kaj kutimoj de la loĝantoj de „ora nordo". Jen provaĵo: „Dum miaj vojaĝoj mi konatiĝis kun multaj mongolaj gentoj kaj kun ĉiuj Eskimoj, kies gentoj diferenciĝas ne tiom per la aspekto, kiom per la lingvo. Kelkloke havas preskaŭ ĉiu familio sian propran lingvon. Mi konjektas, ke Eskimoj, se ili loĝas kvindek aŭ cent kilometrojn malproksime unu de la alia, havas jam ĉiu sian propran lingvon, ke eĉ la diablo ne kapablas interkomprenigi. Komence turniĝis mia kapo kaj mi malbenis laŭte, kiam ajn mi venis al novaj Eskimoj kaj ili parolis tute alian lingvon. Kaj ne nur tio, sed ili akompanis la parolojn per aliaj gestoj. Kelkaj montris per fingroj, kvazaŭ mutaj, aliaj gestis ĵetmovante la brakojn kaj krurojn, kelkaj dancis kaj saltis dum la parolo, aliaj staris senmove kaj parolis longtire, aliaj mallongigis ĉion, ke fremdulo staris antaŭ ili kvazaŭ malsaĝulo. Kiom da jaroj oni vivas tie, tiomfoje oni devas cerbumi, kiam ajn oni venas en lokon, kie oni ne estis ankoraŭ."

Tiu libro estas amuza prisocia apudaĵo al la jenatura tragedio „Per balono al la poluso" (Stockholm 1930). K. R.

---

# Jarkunveno de Esperanto-Asocio de Germanaj Instruistoj.

La jarkunveno okazis la 23-an de Majo 1931, antaŭirante la 20-an Germanan Esperanto-Kongreson, en Hamburg. La kongresejo estis moderna popollernejo, Lernejo Voßberg, apud la fame konata Lichtwark-lernejo. La prezidanto salutis ankaŭ alilandajn gastojn, kvar gekolegojn el Nederlando. Krom la salutskriboj de ĝeneralaj kaj geinstruistaj Esp.-asocioj estis eniranta la skriba saluto de la prezidanto de la granda Germana Instruistasocio, lerneja konsilisto Wolff-Berlin.

La unua punkto de la tagordo estis raporto de lernejestro Kraus-Hamburg: Kiel adapti malnovan lernejan domon al modernaj postuloj. Li montris la tiu-celan vojon per la ekzemplo, kiu estis — en la kunvenejo — antaŭ la okuloj de la ĉeestantaro. La pligrandiĝintaj antaŭurbaj

distriktoj, la novaj opinioj pri arĥitekturo, kaj antaŭ ĉio pri eduka laboro postulas novan laborejon. La konstruaĵo, ĝustadire la konstruŝanĝo de la Lernejo Vossberg sekvas entute konstruplanon, kiu korespondas al la diversaj formoj de la laborkomuneco ĉe la nuna lerneja agado, ĉar la tri ĉefaj partoj konstruaj estas trovataj, unue, en la malnovaj ejoj de la komuna klaslaboro, due, en la laborejoj por la grupa laboro, al kiuj aliĝas la ejoj por la instruilaro, trie, en la ejoj por la kunvenoj, kiuj helpas la formiĝon de la nova lerneja komunumo, kunigante kun la gepatraro la instruistaron kaj lernejanaron.

La prezidanto Schneller-Leipzig jarraportis. La kiomo de nia anaro estas 550 membroj, nia lingvo estas instruata en ĉ. 300 lernejoj (ĉiugradaj kaj ĉiuspecaj), apartaj instruistaj Esp.-lokogrupoj estas en 20 urboj. La laboro interne de nia membraro mem ree montras en la jarraporto de la saksa landgrupo (disdonita al niaj membroj!) modelan asocilaboron. En Berlin estis farata porinstruista Esp.-kurso kun granda sukceso. La ŝtata registaro de Hessen aranĝis du oficialajn kursojn por geinstruistoj. Propagando en la faka gazetaro estis farata krom en Saksujo en la distriktoj Brandenburg, Hessen, Schlesien, Thüringen kaj antaŭ ĉio en Hamburg okaze de nia jarkunveno (Hamburger Lehrerzeitung eldonis apartan Esp.-numeron kun la titolo: De la komprenado al la interkompreniĝado). La estraro eldonis du flugfoliojn, la detalan raporton pri nia antaŭjara jarkunveno en Dresden kaj artikolon pri Esperanto inter la angla geinstruistaro (ambaŭ verkitaj de la TAGE-sekretario Goldberg-Leipzig). La laboro de la venonta jaro havas la celon, malgraŭ la kontraŭemaj cirkonstancoj, apud la memkomprenebla varbado por nia Revuo plifortigi la prespropagandon en la faka gazetaro kaj, jam ofte dirite, la provojn kunigi samlokajn instruistojn en aparta instruista Esp.-grupo.

Al la jarraporto aliĝis la kasraporto kaj mallonga debato, kiu rilatis la varbadon por Esperanto ĝenerale kaj la varbadon por la Revuo speciale. La ĝisnuna estraro estis provizore reelektita kaj, post koncerna propono farita de ĝi mem, komisiata fordoni la estradon ĉe bontaŭga okazo al ekstersaksa urbo, kie la propagandejo estas pli proksima ol estas al la nuna estrara sidejo.

---

# TAGE-kunveno en Krakovo.

Dum la tiu-ĉi jara Universala Kongreso de Esperanto okazis nia jara kutima kunsido de geinstruistoj esperantistaj la 4-an de aŭgusto je la 17-a. Partoprenis ĝin ĉirkaŭ 50 personoj el 13 landoj. Nur malmultaj germanaj kolegoj pro financa krizo povis veturi al Krakovo.

Post salutparoloj de K-go Majorkiewicz el Danzig la kunvenintoj konfirmis lian elekton kiel prezidanton de la jara kunsido. Protokolis k-gino Thomas-Potsdam. En la nomo de pola instruista asocio reprezentanta 47 000 anojn, salutis kol. Głuchowski el Varsovio. Kol. Neužil, Olomouc, transdonis la salutojn de la ĉeĥaj instruistoj kaj kol. Strümpfel, Lösznitz, tiujn de la saksaj gekolegoj.

Nun sekvis la legado de la jara raporto pri nuna stato kaj agado de TAGE kaj IPR.

## Raporto pri TAGE kaj IPR.

Pri la neceseco de nia organizo ne ĉiuj samideanoj ŝajnas esti konvinkitaj. El pli ol 6500 Esperanto-instruistoj, kies adresojn kolektis Prof. D-ro Dietterle, ĝis nun nur 900 aliĝis al nia movado. Tiuj 900 abonantoj de Internacia Pedagogia Revuo jam formas solidan fundamenton por eldono de nia gazeto. Kaj kun ĝojo kaj danko al la kunlaborantoj ni povas konstati — kaj eble vi konfirmos tion — ke nia Revuo apartenas laŭ enhavo kaj ekstera aspekto al la plej bonaj Esperanto-fakgazetoj.

La laboroj de TAGE ĉefe direktiĝis al la eldonado de la Revuo.

La klopodo, plenumi la ampleksan programon, postulis en la pasinta jaro ioman transpaŝon de la limo de niaj enspezoj. Bedaŭrinde en la sama tempo ni perdis sekve de la sovjeta financpolitiko niajn rusajn abonantojn. Tamen — laŭ la konsiloj de kelkaj spertuloj kaj speciale laŭ deziro de la redaktoro — ni ne volis malaltigi la nivelon de la gazeto kaj decidis, fiksi unu dolaron kiel abonprezon por ĉiu lando. Kiu havas konon pri la intensaj kaj ampleksaj laboroj por la gazeto, kiu scias, ke la plenumantoj de tiuj laboroj, nek la redaktoro, nek la administranto, nek la prezidanto, nek la sekretario ricevas unu pfenigon por siaj parte kelkjaraj laboroj, nomos kun ni tiun tarifon de unu dolaro modera. Kaj kiu konsideras la gravecon de nia gazeto kaj de nia laboro, kiuj baziĝas sur tiu unu dolaro, por la propagando en la instruistaro, nomos kun ni la kotizon malalta.

La redaktoro sukcesis trovi — kiel bone montras al vi la lastaj n-roj de IPR — seriozajn kunlaborantojn. Tamen ni ĉiam devas ripeti la alvokon al nia legantaro, sendi al la redakcio raportojn pri la instruista kaj pedagogia movado en via lando. Bonvolu atente legi la koncernan peton en la flugfolio „6000 Esperanto-Instruistoj“. Kelkfoje ni tradukas interesajn raportojn pri iu lando el germana instruista gazeto por IPR. Sed tio ja ne estas la dezirinda stato. Inverse, niaj amikoj sendu raportojn al IPR, kaj el IPR ni traduku por la naciaj fakgazetoj. Tiumaniere la instruistaro vidos la praktikan valoron de Esperanto. Ankaŭ okazas ne malofte, ke ni trovas gravan informon el la instruista aŭ lernejа sfero en iu alia Esperanto-gazeto, kaj niaj legantoj ne informis la redakcion de IPR. Bonvolu konsideri, ke per vigla raportado vi helpas aktualigi nian gazeton kaj altigi ĝian propagandvaloron.

Nia gazeto estu nia batalilo! Por nia gazeto — kiu nun jam vivas en la 10-a jaro — ni montru plej varman intereson kaj nelacigeblan kaj ĝojan laborvolon.

La 900 abonantoj jam donis al IPR solidan bazon. Kaj preskaŭ idealan administran aparaton ni formis per la Laborkomitato de TAGE: Ĉiumonate ĝi kunvenas en Riesa: La redaktoro, la administranto, la prezidantoj de la saksa kaj de la germana asocioj de Esperanto-instruistoj, la direktoro de la Germana Esperanto-Instituto, la sekretariino de Kunlaborado kun la usona asocio por helplingvoj, la sekretario de TAGE kaj kelkaj spertaj saksaj kolegoj, por diskuti kaj prepari la necesajn propagand- kaj gazetlaborojn. Ankaŭ per tiuj kunsidoj la gazeta kaso neniel estas ŝarĝata. Per la Laborkomitato ni tre bone povis plenumi la komision, kiun ricevis la Saksa Asocio de Esperanto-Instruistoj en la jaro 1924, gvidi la TAGE-movadon kaj eldoni la gazeton. Sed la saksa asocio ne konsideras kiel privilegion tiun komision, nur kiel devon de la plej forte kaj plej firme organizita landa sekcio. De la sveda sekcio nun estas anoncitaj 58 membroj, kaj ni aŭdis eĉ pri 300! En tiu aŭ simila kazo la saksa asocio tre volonte transdonos sian komision al tia sekcio, se tie ekzistas la deziro kaj la volo, surpreni la asociajn laborojn, kaj se tia transdono estas preparita.

Grandan parton de la kunsidoj la Laborkomitato dediĉis al la bilancigo de la gazeto. Tiu tasko pro tio estis iom malfacila, ĉar kelkaj samideanoj tre malakurate sendas sian kotizon, kelkaj eĉ nur en la venonta jaro, kaj kelkaj neniam, kvankam ili akceptas la gazeton kaj ne malabonis. Do vi povas imagi, ke superrigardo pri la stato de la abonantaro por la administranto — kiu tamen devas pagi la fakturojn de la presejo — estas tre malfacila kaj ofte eĉ neebla. Pro tio ni eldonis flugfolion „Fundamenta Kalendaro" (rig. n-ron 4/1931, pĝ. 47), kiun atenti kaj obei ni tre petas ĉiun. La mal-

facilan situacion, kiu estiĝis fine de la pasinta jaro per la malprecizeco de multaj abonantoj, per la perdo de la rusaj abonantoj kaj per la neceseco, tamen eldoni la gazeton altnivela, helpis forigi nia prezidanto, kolego Roome, per donaco de 100 germ. markoj al nia gazeto.

Ni klopodis kaj sukcesis aperigi en IPR pagitajn reklamojn de komercaj firmoj. Bonvolu atenti tiujn firmojn okaze de viaj bezonoj. Ni ankaŭ petas vin, serĉi en ĉiuj landoj firmojn, kiuj reklamu per IPR. La tarifon postulu de la administranto.

Helpe de la kunlaborado kun la Internacia Asocio por Helplingvoj (IALA-Usono) ni povis kolekti la adresojn de pli ol 6500 Esperanto-instruistoj en 60 landoj, ni povis konstati Esperanto-kursojn en 995 lernejoj en 36 ŝtatoj, kaj ni povis aperigi en IPR la korespond-dezirojn de pli ol 5000 infanoj kaj 164 instruistoj.

Ni interrilatis kun la Internacia Federacio de Instruistaj Asocioj kaj ricevis inviton, partopreni la kongreson en Stockholm, meze de aŭgusto. Sveda samideano reprezentis TAGE-on kaj salutis la kongreson. — En tiaj situacioj tre klare montriĝas la neceseco de bone funkcianta organizo de la Esperanto-instruistoj!

Ni interrilatis kun la Internacia Profesia Sekretariejo de Instruistoj pro la aranĝo de speciala kaj oficiala Esperanto-vespero dum la somera altlernejo en Hamburg. Ankaŭ por tiu kongreso ni ricevis inviton. La prezidanto kaj la sekretario de TAGE tie partoprenis.

Ne kontentigis nin la rezulto de niaj klopodoj, interrilati kun diversaj landaj agentoj de IPR. Trovi fervorajn agentojn en la diversaj landoj, tio estas la plej urĝa kaj grava tasko, por kies plenumo ni nepre bezonas la bonvolan helpon de la diverslandaj samideanoj.

La nunan staton de nia movado montras la Tabelo de la abonantaro (rig. sur pĝ. 123). La sumo el la negermanaj landoj estas 352, el Germanujo 509, entute 861. Vi legis pri la pereiga ekonomia krizo de la germana ŝtato. La mizero ne haltas antaŭ la sojlo de la instruista domo. Se pro tio eble malaltiĝos la nombro de la germanaj abonantoj, tiu perdo estu regajnata per kresko en aliaj landoj. La propagando en la diversaj landoj devas esti farata de kelkaj aktivaj, energiaj, celkonsciaj kolegoj en la landoj mem. Tion faru la agento, helpata de kunlaborantoj aŭ eĉ sola. TAGE volonte subtenos tiun laboron per flugfolioj, informoj, gazetoj kaj korespondado. En ĉiu lando formiĝu — kiel diras punkto 7 de la „Fundamenta Kalendaro" — memstara sekcio de TAGE, kiu ĉiam sentas sin respondeca pri la kresko de la sekcio. Ĝis nun ekzistas angla, aŭstra, bulgara, ĉeĥoslovaka, pola, sveda, nederlanda, latva, estona, jugoslava, japana, finlanda kaj saksa sekcioj. Ne ĉiuj nomitaj jam estas firme kaj forte organizitaj sed almenaŭ montras komencon. Rigardu la sukcesojn de la saksa sekcio (rig. n-ron 11/12, 1930, pĝ. 157/158), la preskaŭ oficialan pozicion de Esperanto en la saksa instruistaro, la favoran sintenon de la saksaj instruistaj gazetoj, la subvenciojn de la instruista asocio al ĝia Esperanto-fako, la subvencion de la saksa ministerio por instruistaj kursoj, la gravecon de la saksa sekcio por la internacia instruista Esperanto-movado — kaj vi estos konvinkitaj pri la valoro de firme organizitaj sekcioj kaj komencos aŭ daŭrigos similan organizon en viaj landoj. La sukceso baldaŭ videbliĝos. Energio kaj persisto proksimigos nin al la celo.

„Ĉiu ideo estas utopio, se ĝi estas reprezentata de malmultaj;
ĝi fariĝas potenco, se ĝi estas portata de multaj;
ĝi fariĝas fakto, se la plimulto konfesas ĝin."

Tiu vorto trafas ankaŭ la situacion de nia komuna ideo, la situacion de Esperanto. La rimedo, por superi la staton de l' utopio, estas la organizo. Izolaj ni

estas kiel sangogutoj ekstere de la sangocirkulado.

Kunlaboru vigle, ĝoje, fidele por via organizo.

Varbu viajn gekolegojn por la aliĝo.

Tiam nia movado fariĝos potenco, ĝis fine nia ideo fariĝu ĝenerala realaĵo!

La sekretario de TAGE.

En sekvanta diskuto oni esprimis la deziron, ke TAGE eldonu pedagogiajn verkojn en Esperanto. Poste okazis voĉdono pri la jenaj proponoj:

1. La instruistaro konsentas komisii plue la saksan asocion gvidi la laborojn de TAGE;
2. elekti denove kol. Roome, Anglujo, kiu kun sukceso propagandis inter angla instruistaro, prezidanto de TAGE;
3. danki al kol. Roome por grava financa helpo al TAGE;
4. esprimi konsenton kaj aprobon al la ĝis nun faritaj laboroj de la laborkomisio;
5. postuli kaj rekomendi landajn sekciojn de TAGE.

Ĉiuj proponoj estis akceptitaj.

En la dua parto donis kol. Neužíl en sia parolado „Instruado de Esperanto en la lernejo" tre interesan priskribon de la metodo de li uzita. La infanoj mem devas travivi la lecionojn, kaj per tio esti instigataj demandi kaj respondi, uzi gestojn ktp. Des pli interese estas, ke kol. Neužíl, instruante en la sama klaso ĉeĥan, germanan kaj esperantan lingvojn, uzas la saman metodon por ĉiuj tri lingvoj.

Ĉar ĉeestis s-ro pastro Ĉe, do li donis klarigojn kaj informojn pri la Ĉe-Instituto, metodo, kaj precipe pri la infansemajno, kiu okazos dum 1932 en Arnhem. Per apelo al la geinstruistaro prepari infanojn por tiu ĉi semajno finis s-ro Ĉe sian paroladon kun granda aplaŭdo akceptitan.

Sekvis ankoraŭ kelkaj informoj pri ĵus eldonita adreslibro de polaj esperantistoj, sukcesplena laboro de kol. Mawson, Londono, pri sukceso de Esperanto ĉe pola ministerio de klerigado (D-rino Ender).

Post duhora laboro finiĝis tiu ĉi jara kunveno.

Kaz. Majorkiewicz.

---

# Tabelo de la abonantoj de IPR.

| Lando | 1931 | ne pagis | 1930 |
|---|---|---|---|
| Albana . . . . | 1 | 1 | |
| Argentina . . . | 1 | — | 1 |
| Aŭstra . . . . | 19 | 5 | 16 |
| Aŭstralia . . . | 2 | — | |
| Belga . . . . | 3 | 1 | 3 |
| Brazila . . . | 2 | — | 2 |
| Brita . . . . | 28 | 19 | 30 |
| Bulgara . . . | 14 | 3 | 16 |
| Ĉeĥoslovaka . . | 44 | 20 | 53 |
| Ĉila . . . . | 1 | 1 | 1 |
| Ĉina . . . . | 2 | 2 | 2 |
| Dana . . . . | 3 | 1 | 2 |
| Egipta . . . | 3 | — | 5 |
| Estona . . . . | 12 | — | 12 |
| Finnlanda . . . | 10 | 4 | 8 |
| Franca . . . | 11 | 4 | 8 |
| Greka . . . . | 7 | 7 | 7 |
| Hinda . . . . | 1 | 1 | |
| Hispana . . . | 1 | — | 1 |
| Hungara . . . | 4 | 2 | 4 |
| Iraka . . . . . | 2 | 2 | |
| Irlanda . . . | 1 | 1 | |
| Islanda . . . | 1 | — | |
| Itala . . . . . | — | — | 1 |
| Japana . . . | 8 | — | 6 |
| Java . . . . . | — | — | 1 |
| Jugoslava . . . | 9 | 3 | 9 |
| Kanada . . . | 1 | — | 1 |
| Latva . . . . | 15 | — | 13 |
| Litova . . . | 5 | — | 4 |
| Nederlanda . . | 25 | 6 | 21 |
| Ned. Hinda . . . | 3 | 2 | 3 |
| Norvega . . . . | 5 | — | 1 |
| Novzelanda . . . | 2 | — | 2 |
| Peru-a . . . | 1 | 1 | 1 |
| Pola . . . . . | 31 | 18 | 28 |
| Portugala . . . | 1 | — | 1 |
| Rumana . . . | 1 | 1 | 1 |
| Rusa . . . . | 2 | — | 45 |
| Transporto | 282 | 106 | 308 |

| | | | |
|---|---|---|---|
| Transporto | 282 | 106 | 308 |
| Sveda . . . . | 58 | 13 | 44 |
| Svisa . . . . | 5 | 1 | 4 |
| Turka . . . . | — | — | 1 |
| Urugvaja . . . | 1 | — | |
| USA-a . . . | 6 | 1 | 6 |
| sume | 352 | 120 | 363 |
| Germana . . . | 149 | 35 | 140 |
| Saksa . . . . | 360 | 60 | 380 |
| sume | 861 | 215 | 883 |

Kurt Hofmann, adm.

La granda perdo de Rusaj abonantoj estas kaŭzita de la Soveta malpermeso, sendi monon al eksterlando. Entute IPR estas reprezentata en 41 landoj!

---

## Lasta numero ĉi-jara.

El la tabelo de la abonantoj 1931 vi vidas, ke denove kelkaj abonantoj prokrastis ĝis nun la alsendon de la kotizo. Tiuj kolegoj devigis nin, eldoni por oktobro, novembro kaj, decembro nur unu numeron 24-paĝan. La Laborkomitato de TAGE nepre zorgos, ke la bilanco de IPR evitu deficiton en la fino de la jaro. Kiu ne sendas sian jaran pagon, tiu kaŭzas al la aliaj domaĝon.

6 numeroj de IPR 1932.

La Laborkomitato de TAGE decidis, eldoni IPR dumonate, sed 24-paĝa. Per tio ni povos plimultigi la nombron de la tekstpaĝoj kaj tamen ŝpari iom per malpliofta ekspedo.

## Al ĉiuj, kiuj instruas Esperanton!

Fraŭlino E a t o n, kunlaborantino de sinjorino Alice V. Morris, petas respondojn al jenaj demandoj: K i u j e s t a s l a p l e j ŝ a t a t a j 5 E s p e r a n t o - r a k o n t o j

1. de personoj en la aĝo de 10—12 jaroj,
2. de personoj en la aĝo de 12—14 jaroj,
3. de personoj en la aĝo de 14—16 jaroj,
4. de plenaĝuloj.

Ĉi tiujn demandojn, direktitajn al mi, mi kompreneble ne povas respondi sola. Mi petas, ke vi, karaj kolegoj, helpu min, sendante al mi viajn respondojn laŭ viaj spertoj.

Mi kolektos la respondojn, provos trovi rezultaton kaj sendos la tutan materialon al Usono.

Bonvolu respondi tuj al mia adreso.

Koran saluton
D-ro Dietterle, Leipzig W 31,
Steubenstr. 10.

---

**Perletera instruado estas bona**

aranĝo por multaj, kiuj pro iu kaŭzo ne povas regule viziti la enklasajn kursojn. Ĝi estas ankaŭ agrabla por izolaj samideanoj, kiuj volas plifirmigi sian scion aŭ ripeti ĝin en amuze-serioza maniero. Tiuspecan skriban kurson (tute en Esp.) gvidas L. Funken, K o b l e n z o (vidu la anoncon!).

---



---

**La venonta numero aperos eke de januaro 1932**

**Konservu ĉi tiun folion,**
**kiun vi bezonos estontatempe pro la numeroj de la korespondantoj!**

Aldono al IPR.

# Korespondo-Oficejo, Listo 12.

## A

1. Nomo (Antaŭ- kaj Patronomo)?
2. Profesio? (en kia speco de lernejo la kolego instruas?)
3. Aĝo?
4. Loko? a) strato aŭ domo, b) urbo aŭ vilaĝo, c) provinco aŭ distrikto, lando ktp., d) regno.
5. Deziras korespondi kun?
6. Deziras korespondi pri?
7. Specialaj deziroj?

**N-ro 171.**
1. Honoré Bourguignon 2. popollerneja instruisto 3. 32-jara 4. a) Ecole de Garçons b) Saint-Maximin c) Var d) Francujo 5. gekolegoj tutmondaj 6. instruaj temoj, instruo kaj eduko en la elementaraj lernejoj (unuagradaj), precipe lerneja laboro (tre detala priskribo de la metodoj), deziras ricevi sciigojn pri lernkino kaj konatiĝi kun gekolegoj, kiuj interesiĝas pri la demando 7. interŝanĝo de skizoj, pentraĵoj, gravuraĵoj sur ligno kaj samordaj verkoj.

**N-ro 172.**
1. Julius Persson 2. popollerneja instruisto 3. 46-jara 4. b) Fack 7-a Skeppshult d) Svedujo 5. tutmondaj gekolegoj 6. iu ajn temo 7. interŝanĝo de il. gazetoj, popolkantoj kun notoj.

**N-ro 173.**
1. Georg Nowak 2. popollerneja instruisto 3. 30-jara 4. a) ul. Sienkiewicza 10 b) Tarnowskie-Góry c) Górny-Sląsk d) Polujo 5. tutmondaj gesamideanoj 6. iu ajn temo 7. ne nur esperante, ankaŭ germane, pole kaj france.

**N-ro 174.**
1. Petro Simionoviĉ Ŝĉerbakov 2. instruisto (pentrado kaj desegnado) en meza vesper-lernejo por plenaĝuloj 3. 43-jara 4. a) „Budinok Osviti" b) Nikolaev d) Rusujo 5. iu ajn alilandano 6. iu ajn temo 7. interŝanĝas artilustr. ĵurnalojn kaj pentraĵojn.

## B

1. Lando kaj loko de la lernejo?
2. Speco de la lernejo?
3. Kiom da lernant(in)oj deziras korespondi?
4. Aĝo de la lernant(in)oj?
5. Ili deziras korespondi kun?
6. Ili deziras korespondi pri?
7. Nomo kaj adreso de la „peranto", kiu aranĝos la korespondado-aferon?

Zu Pedagogia Revuo Nº 10/12 zwischen letzte Seite u. Umschlag

**N-ro 122.**

**Germanujo.** 1. Wolgast (Pommern) 2. gelernantoj de popollernejo 3. a) Werne Tuscinski, 15-jara, Burgstrasse 10, b) Alfred Tesch, 14-jara, Mühlenstr. 2 c) Gerda Zander, 15-jara, Wasserstr. 7 d) Erich Beckmann, 15-jara, Brunner str. 2 e) Walter Taufmann, 14-jara, Wilhelmstr. 55 f) Paul Wardius, 14-jar Fischerstr. 21 g) Erika Lüdtke, 13-jara, Luisenstr. 13 h) Margarete Kühn, se kretariino, 16-jara, Friedrichstr. 7 4. — 5. alilandaj infanoj 6. iu ajn temo ka interŝanĝado de ĉio.

**N-ro 123.**

**Germanujo.** 1. Freiburg (Schlesien) 2. popollernejo 3. 10 lernantoj 4. 11—12 jaraj 5. alilandaj gelernantoj 6. diversaj temoj, interŝanĝo de il. poŝtk. kt 7. instruisto Alfred Bräuer, Waldenburgerstr. 5, II, Freiburg (Schlesien).

**N-ro 124.**

**Germanujo.** 1. Hirschfelde (Saksujo) 2. popollernejo 3. 12 gelernantoj 4. 13-jar 5. gejunuloj ĉiulandaj 6. ĉiuj temoj 7. instruisto Martin Wenzel, Hirschfeld (Saksujo).

**N-ro 125.**

**Francujo.** 1. Korespond-Oficejo de Instruistara Kooperativo „Presarto ĉe Ler ejo" 2. organizas korespondadon kun francaj unuagradaj lernejoj 3. nun 10 klasoj kun meze 30 lernantoj en ĉiu klaso 4. 9—14-jaraj 5. ĉiulandaj klasoj (ko lektiva kaj individua korespondado) prefere el Germanujo, Rusujo, Britujo, Ita ujo, Hispanujo, Sud-Amerikaj Respublikoj kaj Usono 6. per leteroj aŭ individu kartoj, almenaŭ unufoje ĉiumonate, pri lerneja vivo, geografio, regiona vivo k interŝanĝo de desegnaĵoj, infangazetetoj, libretoj, fotoj, presaĵoj, lernkajeroj kt 7. ĉefe per Esperanto, ankaŭ en lingvoj germana, angla, hispana, itala. Perant por tut-Francujo kaj ĝenerala Sekretario de la Komisiono de Interlerneja Inte nacia Korespondado: instruisto H. Bourguignon, Saint-Maximin (Var) Francuj

**N-ro 126.**

**Francujo.** 1. Saint-Maximin (Var) 2. popollernejo 3. 34 knaboj 4. 8—10-jar 5. gelernantoj de Anglujo, Italujo, Hispanujo, Svedujo, Rumanujo, Turkujo, Nor Ameriko 6. vivo de l' tutmondaj geinfanoj (kolektive), interŝanĝo de poŝtk. i porinfanaj gazetetoj, pentraĵoj, desegnoj, diversaj presaĵoj, murĵurnaloj 7. i struisto Honoré Bourguignon, Ecole de Garçons, 2° classe, Saint-Maximin (Va Francujo.

**N-ro 127.**

**Rusujo.** 1. USSR Nikolaev „Budinok Osviti" 2. vespera meza lernejo por plen aĝuloj 3. 20 gelernantoj (precipe laboristoj) 4. 18—30-jaraj 5. iuj ajn alilan anoj 6. iu ajn temo 7. instruisto P. Ŝĉerbakov, USSR, Nikolaev, „Budino Osviti" (Domo de klerigado), Rusujo.

---

Karaj gekolegoj!

Mi petas, ke la gekolegoj, kiuj interesiĝas pri la korespondado de la infanoj k kiuj kontrolas la korespondadon de la lernantoj, sendu interesajn leterojn de la i fanoj (skribitajn aŭ ricevitajn) al mi, por ke mi povu aperigi ilin en IPR. Mi nepr garantias tujan resendon de la sendita materialo.

Martha Moelke,
Stindestrasse 12, Berlin-Steglitz (Germanujo).

Noto: En Germanujo nuntempe la diversaj ministerioj de la unuopaj ŝtatoj ĉar ili volas ŝpari kostojn pro la ekonomia situacio — ne plu subvencias la libervol instruadon de diversaj fakoj, do ankaŭ ekz. ne de Esperanto. Tio eble kelkloke ma helpos la regulan korespondadon kun infanoj de germanaj lernejoj. Sed espereble germanaj kolegoj mem zorgos, ke la korespondado povu esti daŭrigata. Estus t interese, scii ĉu en aliaj landoj ekzistas simila situacio.

Pri ĉio, kio rilatas la Korespondo-Oficejon, turnu vin nur al:
D-ro Dietterle, Leipzig W. 31, Seumestr. 10,
· aŭ sub ties adreso al: F-ino M. Moelke.

---

**Se vi ankoraŭ bezonas la antaŭajn listojn bonvolu ilin mendi. Sendu al adresojn de interesatoj el la kolegaro, al kiuj ni povas sendi la listojn**



Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.